Marie Hankel: germanio, Rusio! p. 58.

XVII[a] jaro. N° 247 (3) ⋆ Monata ⋆ Marto 1921

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

JARA ABONO

Simpla abono . . . . . . . . . . . . . . 10.— Frankoj
Kun la membreco de UEA . . . . . . . 12.50 Frankoj
Unu numero . . . . . . . . . . . . . . . 1.— Franko
*Svisa poŝtĉeko I. 2310. — La abonoj komenciĝas en januaro*

REKLAMO

Anonco (unu-centimetra kolonero) . . . . . . 2.— Frankoj
Anonceto (1 linio: 10 vortoj) . . . . . . . 0.50 Franko
Korespondado (1 enskribo) . . . . . . . . 0.75 Franko
*Rabatoj: 3 enpresoj 10 %; 12 enpresoj 25 %*

FONDINTO: HECTOR HODLER — GVIDANTO: D-ro EDMOND PRIVAT

ADRESO DE LA REDAKCIO KAJ ADMINISTRADO: 12, BOULEVARD DU THÉATRE, GENÈVE

*La Redakcio ne povas resendi manuskriptojn. Oni skribu tre legeble kaj konservu kopion*

**TEKSTO.** — *Al mondlingvanoj*, Edmond Privat. — *Lingvistoj kaj Esperanto* — *Japanoj kaj mondlingvo*, Ĉikao Fuĝisaŭa. — **Literaturo:** *Kien ĝin meti?* Jan Neruda. — *La du Vojaĝantoj*, Florian. — *El „La Ĝardenisto"*, Rabindranath Tagore. — *Fajretoj*, V. G. Korolenko. — **Esperantismo:** *Sukcesoj de Esperanto.* — *Dokumentoj.* — *XIII[a] Universala Kongreso de Esperanto.* — *Kroniko.* — *Tra la gazetaro.* — *Tra la libraro.* — *Oficiala Informilo de UEA.* — *Esperanto kaj foiroj.* — *Esperantista Literatura Asocio.* — *Esperantista Parolejo.* — *Esperantista Vivo.* — *Niaj Mortintoj.* — *Ŝako.*

## AL MONDLINGVANOJ

La nuna tempo estas tre favora por Esperanto. Post Eccles-Manchester, ĝia oficiala enkonduko en lernejoj estas nun fakto en Breslaŭ, en Chemnitz, en Milano, en Chaux-de-Fonds, en Ĝenevo kaj en la komercaj instruejoj de Parizo. La Komerca Ĉambro de l' franca ĉefurbo ĵus publikigis tre gravan decidon pri tio kaj alvokas al ĉiulandaj komercaj ĉambroj, ke ili favoru la disvastigon de nia helplingvo. Jam ĝi ne estas nia, sed de la homaro.

La deziro esprimita de la Internacia Kongreso de mondasocioj en Bruselo, ke ĉiuj mondlingvanoj unuiĝu sub la Esperantista standardo pli kaj pli realiĝas. Eĉ la Akademio Esperantida de Prof. Forel, D-ro Guillaume kaj S-ro de Saussure decidis haltigi sian publikan propagandon por ne malutili al Esperanto. Konataj idistoj ankaŭ same faras. Aliaj skribis al ni, proponante ian akordiĝon. Al ĉiuj ni respondis amike la samon: Ni akceptu la Bruselan decidon, t. e. ni propagandu nur Esperanton kaj resendu la teoriajn lingvajn demandojn al specialista aŭtoritata komisiono elektota de la Ligo de Nacioj.

Sed la idistoj akceptu ĉesigi sian agadon kontraŭ Esperanto. Se la batalo daŭros, ni ja povas esti certaj pri la venko, ĉar la malamikaj fortoj pli kaj pli malmultiĝas kaj la niaj pli kaj pli kreskas, sed tiuj disputaĉoj estas tute ne indaj je tiel alta celo kaj senutile malpurigas la aferon. Lastatempe kelkaj idistoj transpasis la limojn de permesata polemiko. Senĉesa kulpigado al Zamenhof kaj liaj sekvantoj pri mensogo, monintereso, subaĉetiĝo kaj aliaj senpruvaj kalumnioj neniam sukcesis akceptigi Idon ĉe iu ajn internacia kongreso aŭ urba lernejaro, sed la naŭzo de la disputoj kelkfoje prokrastis la tutan intereson pri mondlingvo. Nur negativan rezultaton atingas tiuj atakoj kontraŭ Esperanto.

Ofte la respondoj estas ankaŭ ne tre indaj. La morala flanko de la debofronta konduto ĉe la Delegacio ankaŭ aperas ne tute klara al idistoj kiel ekzemple Prof. Jespersen, kiu kuraĝe esprimis sian dubon, sed tiu ĉi afero neniel interesas la publikon, kaj Esperantistoj estas malpravaj ĝin uzi kiel argumento lingva, ĉar tia ĝi ne estas. Sciencistoj povas nur bedaŭri tion, ke persona karakteraĵo kaj ĝiaj psikologiaj sekvoj difektis sciencan diskuton.

Ĉiuokaze la delegacia afero estas jam de longe enterigita. Por la lingvistoj la problemo estos definitive solvita nur de supera komisiono kun la plena oficiala aŭtoritato de la Ligo de Nacioj. Al tiu komisiono ĉiuj povos prezenti siajn dezirojn aŭ preferojn. Dume neniu povas malpermesi, ke oni teorie diskutu pri lingvaj demandoj. Kontraŭe, eĉ utila povus esti senpartia studrevuo por tiu celo, kondiĉe ke ĝi staru tute flanke de la publika propagando kaj de l' uzado ĝenerala.

Sed oni ĉesigu montri al la publiko ŝajnan konkuradon inter mondlingvoj, ĉar tio estas nek bona, nek vera. La fakto estas, ke unu mondlingvo efektive funkciadas kaj vivadas praktike. Krom tio ekzistas projektoj pri ŝanĝoj en tiu lingvo. Ido estas nenio alia ol la plej plena el ili. Pri ĝia valoro la lingvistoj ankaŭ malsame opinias. Nur pri ĝia vortfarado ili preskaŭ

ĉiuj konsentas, ke ĝi estas tre malsimpla kaj tute kontraŭnatura pro la matematikema tendenco de Prof. Couturat, kiu cetere ne estis lingvisto. Sendube tion aludis la specialista komisiono de la Pariza Komerca Ĉambro, kiam ĝi raportis post studo pri Ido, ke „tiu ŝajna perfektigo estas sume malsimpligo, kiu malfruigis la progresadon de Esperanto, kaŭzante konfuzon en la opinio de l' publiko".

En tiu ĉi gazeto ni ĉiam batalis kontraŭ fanatikismo, ankaŭ ĉe Esperantistoj. Ni do rajtas amike diri al la idistoj, ke neniu lingvisto povas admiri la naivecon de tiu propagandisto, kiu asertas en bruema broŝuro, ke „Ido estas tiel perfekta, ke neniam oni povos trovi ion ajn pli bonan". Jam S-ro de Beaufront skribis tion pri Esperanto. Ankaŭ neniu povas admiri la sovaĝan ĝojegon de alia fanatikulo pri la „sensacia fiasko de Esperanto ĉe la Ligo de Nacioj". Se Ido estus havinta eĉ duonon de tia „fiasko", li estus trumpetinta ĝin kiel sukcesegon. Fakte ĝi estis jam tre utila paŝo antaŭen, speciale la tute favora raporto de la komisiono, kiun ni enpresis en nia januara numero. En franclingva lernolibro pri Ido ŝercoj pri la Fundamento aŭ insultoj kontraŭ la Esperantistoj troviĝas eĉ en la ekzercaj frazoj!

Nu, tia parolmaniero estas nek serioza, nek inda. Ni ĉesigu fanatikaĵojn. Neniam malamo kondukis al pozitivaj rezultoj. La plej granda forto de l' Esperantismo kuŝas en la nobla homara inspiro de Zamenhof. Atakante tion, la idismo sin detruas mem. Movado bazita nur sur malamo ne povas esperi vivon.

Ni scias, ke el la kvarcento da fervoraj idistoj restantaj en la mondo, multaj suferas de tiu negativa kaj malamema tendenco. Ni ne proponas, ke ili fordonu siajn lingvajn konvinkojn. Neniu estis pli tolerema ol Zamenhof mem pri tiaj aferoj. Ni volas nur amike respondi al iliaj demandoj, ke ni plene respektas kaj eĉ partoprenas ilian deziron al kiel eble plej granda perfekteco por mondlingvo, sed ke scienca studado, ne atakado, kondukos al tio. La spertoj faritaj de ili povos alporti utilon, speciale ilia laborado pri la teknikaj vortaroj. Sed ili konsideru trankvile ankaŭ aliajn vidpunktojn kaj justajn kritikojn kontraŭ Ido.

Ili ankaŭ ne forgesu la grandan valoron de la vivo kaj de la memkonstrua forto de Esperanto. Ĉiuj lingvistoj konfesas hodiaŭ, post tridek jaroj, ke la bazo trovita de Zamenhof estas la sole bona por mondlingvo. Malsama opinio pri unu aŭ alia detalo ne ŝanĝas tion. Kio gravas, tio estas la viva flueco de la lingvo, kiun perdis Ido kompare al Esperanto.

Dum pli ol dek jaroj Zamenhof korektadis sian lingvon kaj klopodis verki, paroli kaj eĉ pensi en ĝi kvazaŭ kutime ĝis li atingis, ke ĝi *fluadu*. Multon li devis forĵeti aŭ ĉirkaŭhaki por tio kaj diversaj teoriaj bonaĵoj montriĝis en la praktiko pedantaj, ne taŭgaj aŭ ne belsonaj. Liaj manuskriptoj de 1881 estas multe pli proksimaj al Ido ol tiuj de 1887.

Estus granda malfeliĉo por la homaro se oni perdus la profiton de lia genia kaj harmoniema sperto. Plie, la posta kreskado de Esperanto kaj ĝia flua stilo estas trezoro neperdinda. La mondlingvo de l' estonto povas nur daŭrigi tiun fluadon sen ia rompo. Ankaŭ sur la spirita kampo estas tre grave, ke la mondlingvo entenu fortan influan povon al homaraj sentoj, same kiel la nacilingvoj influas al patrujamo. Tial estas efektive plej saĝe, ke ĉiuj mondlingvanoj unuigu siajn fortojn por triumfigi sian komunan celon per la plej promesplena vojo. Esperantismo ne estas fermata sekto. Ĝi estas la morgaŭa homaro en printempa kresko.

*Edmond Privat.*

---

# LINGVISTOJ KAJ ESPERANTO

Kiam Zamenhof eldonis la unuan Esp. broŝuron antaŭ tridek kvar jaroj, la lingvistoj ne interesiĝis pri mondlingvo, kaj de tiam ili ofte ridis pri la ideo. Hodiaŭ kelkaj el ili science kliniĝas antaŭ la kontrolebla fakto de vivanta Esperanto kaj ankaŭ konkludas, ke Zamenhof eltrovis la taŭgan bazon. Inter tiuj scienculoj staras Prof. Meillet, la aŭtoro de la verko „La lingvoj en nova Eŭropo", kiun ni havis la plezuron saluti en Ĝenevo antaŭ nelonge.

En tuta ĉapitro li ekzamenas la problemon pri mondlingvo, laŭdas la verkon de Zamenhof kaj kritikas kelkajn punktojn en ĝi, la konservon de akuzativo kaj la elekton de diversaj germanaj radikoj anstataŭ latinaj. Laŭ li *kano* estas pli internacia ol *hundo*, ĉar ĝi troviĝas en sciencaj vortoj ĉiulingvaj. Pri tiu ĉi lasta punkto ni havis la okazon diskuti persone kun Prof. Meillet kaj atentigi lin pri eraro ankaŭ farata de la idistoj. Prof. Jespersen prave montris, ke la internacieco de radiko mezuriĝas ne laŭ la nombro de lingvoj, en kiu ĝi retroviĝas, sed laŭ la nombro de l' homoj, kiuj parolas tiujn lingvojn. Ankoraŭ pli simple estus diri *laŭ la nombro de l' homoj, kiuj konas la radikon.* Nu francaj, anglaj aŭ germanaj instruituloj ja konas la sciencan radikon *kan* kaj preskaŭ ĉiujn similajn latinajn radikojn uzatajn en pli malpli scienca lingvo, sed la vasta popolamaso, kiu formas la grandan nombron kaj al kiu devas utili mondlingvo, ĝenerale nek uzas nek konas tiujn vortojn en sia propra lingvo.

*Kan* aŭ *bib* sonas al ĝi pedante aŭ eĉ tute ne konate, dum centmilionoj da homoj, anglaj, amerikaj, germanaj, holandaj aŭ skandinavaj diras *hund, hound, hond* kaj *drink, trinken* en la ĉiutaga lingvo. Por franca laboristo *hund* ne estas pli malfacile lernebla ol *kan,* kaj *trink* estas certe pli komprenebla ol *bib.*

Ne forgesu, ke mondlingvo devas esti popola antaŭ ĉio. Diri *maxim mikra (= plej malgranda)* povas plaĉi al scienculoj, sed sonas barbare kaj ridinde al popolo. Simile pri *sangifi, adresizi, martelagi, januarala* anstataŭ pli simplaj *sangi, adresi, marteli, januara,* k. t. p.

Prof. Meillet konsentis pri la trafeco de tiuj argumentoj,

kaj li cetere deklaras neakceptebla la vortfaran sistemon de S-ro Couturat.

Por resumi lian vidpunkton ni presigas ĉi tie notojn pri lia konversacio, kies tekston li mem revidis kaj korektis propramane por tiu ĉi publikigo. Jen liaj deklaroj:

## Deklaroj de Prof. Meillet

„Mi jam diris, li deklaris al ni, mian profundan konvinkon, ke internacia lingvo estas ne nur necesega, sed ebla. La Kongresoj kaj la gazetaro de Esperanto en plej diversaj landoj estas evidenta pruvo de tio.

Nek Esperanto, nek ties derivitoj Ido kaj Esperantido estas perfektaj. La bazo trovita de D-ro Zamenhof estas la bona: li eltiris la mezon el la lingvoj eŭropaj, sed Esperanto gajnus, laŭ mia persona opinio, formetante kelkajn senutilajn sonojn kiel ekzemple *h* kaj forlasante la substantivan finiĝon — kiel ĝi jam ofte faras en poezio — kaj ankaŭ l' akuzativan. La literoj supersignitaj povas eble ĝeni la propagandon kaj la nunan tipografion, sed la kombinoj *ch* kaj *sh* estas malpli taŭgaj por fonetika ortografio.

Prave la Esperantistoj daŭrigas sian propagandon kun unueco. Estas pli bone, ke ili ne faru ŝanĝojn nun. Evitante provizore ĉiun ŝtoniĝon oni atendu, ke spertula komisiono estu elektita de la Ligo de Nacioj por studi la demandon atentante ankaŭ la dezirojn de la Ĉinoj kaj de l' Japanoj. Ĝis tiam estus preferinde eviti malagrablajn polemikojn kaj diskuti science la teoriajn demandojn en revuo senpartia de studado, kie ĉiu skribus en la formo preferata. Tio komprenebIe valoras nur se ne venas gravaj decidoj de homaj aroj favore al Esperanto antaŭ ol ĉiuj lingvoj kaj projektoj estos ekzamenitaj de iu supera aŭtoritato."

Pri tiu tre interesa deklaro ni rimarku:

1e ke Prof. Meillet konsideras la tutan problemon, kiel ankoraŭ ne definitive solvitan. La Idistoj do ĉesu de nun uzi lian nomon por aserti la „nesupereblan perfektecon" de sia projekto.

2e Ke, laŭ vidpunkto de lingva perfekteco, oni ne povas kritiki la supersignitajn literojn, sed nur laŭ vidpunkto de nuna oportuneco dum propaganda periodo. Estas tre dubinde, ĉu oni devas oferi ion en si mem bonan nur pro momenta malfacileto. Jam nun estas malpli koste por presistoj aĉeti ĉ, ŝ, ol espezi la plian paperon kaj inkon por la pli longaj ch kaj sh. Oni ja scias, ke la rusa sovjetregistaro forigis la senutilan rusan finliteron ъ pro ŝpara motivo. Aliflanke estas ja strange instigi konkuradon inter mondlingvoj „por faciligi la propagandon". Tio similus je la urso, kiu volis mortigi muŝon sur la okulo de amika homo, ĵetante ŝtonegon al lia kapo dum li dormis.

3e Ke nek la forfalo de l' substantiva nek de l' akuzativa finiĝoj tuŝus la vivantecon de Esperanto, sed ke tio perdigus al ĝi parton de ĝia harmonio kaj stila libereco. Pro tio estas dubinde, ĉu la vivo favorus tian forigon. Prof. Meillet konstatas mem, ke la vivo estas pli forta ol decidoj teoriaj. Lia opinio venas de la ĝenerala tendenco de l' indo-eŭropaj lingvoj perdi la gramatikajn finiĝojn iom post iom tra historio. Esperanto jam staras tre okcidente laŭ tiu vidpunkto. Tamen ĝi ankoraŭ estas fleksebla kaj plaĉa por slavoj, starante kiel vera simpligita mezo inter la diversaj familianoj.

La rigardo nur okcidenten estas ofta eraro. La grandaj popoloj angla kaj franca venos al mondlingvo kredeble post la ceteraj, ĉar ili bezonas ĝin malpli videble. La ĉefaj interesatoj estas la malgrandaj nacioj, ĉefe orientaj, kies lingvoj estas tute ne konataj en la cetera mondo. Esperanto taŭgas admirinde por esprimi kun ĉarmo ilian penson kun plena libereco. En ĝi hejme ili sentas sin. Ankaŭ ni. En pli rigida lingvo ili sentus sin eble ĝenataj. Cetere se la tendenco aludita estas tiel forta, ke ĝi daŭros en ĉiuj lingvoj indo-eŭropaj, ankaŭ Esperanto marŝos kun ĝi.

4e Ke eĉ ekstera lingvista juĝanto konsilas ne fari nun ŝanĝojn en Esperanto por unuigi ĉiujn fortojn en la propagando. Ankaŭ la konsilon eviti ĉiun ŝtoniĝon ni jam ofte predikis mem. La lingvo devas vivi tute libere. Nur kontraŭ arbitraj fantazioj nia Akademio ĝin defendu, ne kontraŭ natura kreskado kun normala vivbatalo de neologismoj kaj nove provitaj formoj. Laŭ konstato mem de Prof. Meillet la franca lingvo atingis jam fiksitecon de kvazaŭ mortinta lingvo, sed en multaj aliaj nacilingvoj oni provas novajn formojn kaj vortojn sufiĉe libere. La kvar franclingvaj anoj de nia Esp. Akademio ne forgesu tion.

5e Pri la deziroj de l' Ĉinoj kaj Japanoj Prof. Meillet ankaŭ tute prave atentigas. Ĉar iliaj lingvoj staras ekster la familio indo-eŭropa, je kiu apartenas Esperanto, la vortaro estas por ili multe pli malfacila por lerni. Tial estas necese, fari ĉion por ne malsimpligi senutile. Ĉio regule formita estas pli facila por ili ol ĉio kopiata el nacilingvoj. Derivitajn vortojn ili preferas al tiel nomitaj „internaciaj" vortoj, ekz. *evoluado* al *evolucio, pacamanto* al *pacifisto,* k. t. p. Formoj kiel *matro* por *patrino* aŭ *mikra* por *malgranda* estus por ili netolereblaj balastoj.

Tial Esperanto, kiu estas tre memviva kaj tiras multon el si mem, estas multe pli facila por ili ol ekzemple Ido, kiu estas la tipo de kopiema lingvo, senĉese dependa de l' eksteraj modeloj, ĉefe de la franca. Pri tiu ĉi tre interesa punkto ni presigas artikolon de japana membro ĉe la sekretariaro de la Ligo de Nacioj, S-ro Fuĝisaŭa, kiu tre atente studis Esperanton, Idon kaj Esperantidon.

6e Pri la paco kaj unueco inter ĉiuj mondlingvanoj, tio estus ebla sur la jena bazo: Ĉesigo de ĉiu kontraŭesperanta propagando. Kunlaborado por tuja disvastigo de Esperanto kaj por elekto de specialista komisiono ĉe la Ligo de Nacioj. Libera diskutado de ĉiuj lingvaj proponoj (eventuale prezentotaj al tiu komisiono) en senpartia scienca studrevuo speciale kreota kun speciala kunlaborado de lingvistoj. Tia diskutado baldaŭ montros unue, ke la lingvistoj devas funde lerni kaj uzi Esp. antaŭ ĝin juĝi, due, ke ilia modelscienco staras ankoraŭ tre june, kaj ke ili malkonsentas inter si, trie, ke preskaŭ ĉiuj proponitaj „reformoj" montriĝas *en la praktiko* netaŭgaj.

* * *

## Dokumentoj pri 1907

Povas esti, ke la Ligo de Nacioj juĝos la demandon pri mondlingvo simple laŭ la faktoj, kiel ĝi jam inklinis, aŭ povas esti, ke ĝi efektive elektos iam specialistan Komisionon. Prof. Meillet mem konsilas, ke ne nur lingvistoj, sed ankaŭ praktikaj agadistoj partoprenu en ĝi. Kiel interesaj dokumentoj pri la granda eraro de la Delegacio en 1907 ni presigas parton el la korespondado inter D-ro Zamenhof kaj S-ro Couturat, nun ambaŭ mortintaj. Se la saĝaj intencoj tiam anoncitaj estus sekvitaj, nenio malagrabla kaj malfruiga estus okazinta.

Feliĉe la vivanteco de Esperanto estas tiel forta, ke ĝi ne malsaniĝis de la bato. Nun la danĝero jam estas tute forpasinta kaj eĉ forgesita, sed la sperto devas resti. Ni havas admirindan esprimilon, vere vivantan lingvon, kiu rezistis je ĉiuj ventegoj kaj progresas normale. Ni ĝin riĉigu libere, sed ni ĝin uzu fidele. Nia respondeco estas grava. Nek la Ligo de Nacioj, nek la tuta mondo estus al ni dankaj, se ni fuŝus nian taskon. Nune ĝi estas disvastigi Esperanton kaj plivalorigi ĝian literaturon.

## Letero de D-ro Zamenhof al D-ro Couturat

13/I. 07.

*Kara Sinjoro!*

Kun malĝojo mi legis Vian leteron pri la obstina opozicio, kiun faras al Vi kelkaj el la plej gravaj Esperantistoj. Tamen mi estas al Vi tre danka por Via detala letero, ĉar ĝi klarigis al mi kelkajn cirkonstancojn, kiujn mi antaŭe ne atentis.

Vi scias, ke mi mem estis absoluta amiko de Via entrepreno, kvankam mi ne esperis de ĝi tian gravan rezultaton, kian Vi de ĝi esperas. Sed traleginte kaj pripensinte atente Vian leteron, mi venis al la konvinko, ke la opoziciuloj estas ne tute malpravaj. Bonega estas la principo „audiatur et altera pars"...

Se la elekton de lingvo internacia farus la instituto *tre grava*, kies decido estus leĝdona por la grandaj amasoj da homoj (ekzemple la registaroj, aŭ almenaŭ la „Asociacio de la Akademioj"), tiam ĉiuj veraj Esperantistoj *(ne la ŝovinistoj, kiuj volas nur „aŭ Esperanton aŭ nenion")* povus kuraĝe aliĝi al tiu ĉi institucio kun okuloj fermitaj kaj helpi ĝin per ĉiuj fortoj, ĉar se ni eĉ povus timi, ke ekzistas ia danĝero por *Esperanto*, ni almenaŭ scius, ke ekzistas nenia danĝero por la mondlingva *ideo*, kiu per la decido de la dirita institucio estus pozitive kaj por ĉiam solvita. Sed tute alia afero estas, kiam la elekton volas fari la „Delegacio"; tiam ĉe nesufiĉa singardeco nia ideo povas ricevi de tio ĉi ne *akcelon*, sed ruinigan, eble eĉ mortigan *baton!* Ni rigardu efektive, kion donos la Komitato de la Delegacio:

*a)* Se ĝi *ne* elektos Esperanton, tiam fariĝos granda skandalo, kiu mortigos la tutan ideon, ĉar Esperanton ĝi malkreditigos kaj pereigos, kaj por doni krediton al ia alia sistemo kaj por krei al ĝi post la laŭta falo de Esperanto tian forton, kiun ĝis nun akiris Esperanto, la Komitato estos ridinde tro malforta. Sekve per la nesingardeco de la Delegacio la tuta ideo kaj ĉiuj akiritaj fruktoj de 20-jara laborado estos por ĉiam enterigitaj!!

*b)* Se vi havos eĉ plenan *certecon*, ke la Delegacio elektos nepre nur *Esperanton*, tiam ankaŭ — se la Delegacio ne agos sufiĉe singarde — *la malutilo de la elekto estos multe pli granda ol la utilo*. Kiel ajn paradoksa tio ĉi al vi ŝajnos, ĝi estas tamen vera, ĉar *a)* pri la *utileco* ni ne devas fari al ni iluzion, kaj ni devas kompreni, ke ĝi estos preskaŭ *nula*, ĉar kiun ne konvinkis la faktoj kaj la forto, tiun ne konvinkos eĉ dek Ostwaldoj, kiuj la mondon tute ne interesas; la indiferentuloj restos indiferentaj; la diversaj Molenaaroj, Bonto-van-Byleveltoj k. t. p. nur mokos la decidon de la Delegacio kaj trumpetados al la mondo, ke la „Delegacio" konsistis el maskitaj Esperantistoj, kiuj aranĝis komedion, por trompi la mondon..., k. t. p.

*b)* Sed la *malutileco* — se la Delegacio ne estos sufiĉe singarda — estos *granda*. Elekto estus tre bona antaŭ 10—15 jaroj, kiam ekzistis ankoraŭ multaj personoj, kiuj volis havi lingvon internacian, sed ne sciis, *kiun* ili devis preni; sed *nun* jam de longe la tuta mondo alkutimiĝis al la ideo, ke ekzistas nur *unu* preta kaj elprovita arta lingvo; pri iaj aliaj projektoj ĝi aŭ tute ne scias, aŭ scias pri ili nur, ke ili estas malfortaj teoriaj projektoj de diversaj malkontentuloj, kiuj volas sed ne povas konkuradi kun Esperanto; se *nun* venos la Delegacio kaj diros al la mondo: „ni, kompetentaj homoj, diras al vi, ke ekzistas *diversaj* artaj lingvoj, kaj ke inter ili ni elektis Esperanton" — kian rezultaton tio ĉi donos? Rekte la *malon* de tio, kion Vi deziris!! kaj la Esperantistoj devos eĉ per ĉiuj fortoj *kaŝi* Vian agon. Ĉar Via decido venanta de komitato, kiu ne havas aŭtoritaton kaj pri kiu oni eĉ diros, ke ĝi konsistis el maskitaj Esperantistoj, havos por la mondo nenian signifon, sed viaj *vortoj* pri la „elekto" havos terure pereigan efikon, ili donos armilojn en la manojn de niaj malamikoj, ili detruos ĉiujn niajn ĝisnunajn akirojn, ili denove ekdubigos kaj fortimigos de nia ideo ĉiujn, kiuj jam estis pretaj labori por ĝi — ĉar la mondo diros: „nun ni eksciis, ke ekzistas *multaj* egalvaloraj artaj lingvoj, sekve ni povas aliĝi al *neniu* el ili, ĉar se unu komitato hodiaŭ elektis unu lingvon, kie ni havas la garantion, ke morgaŭ alia komitato ne elektos alian lingvon!"

Pripensu do bone, kian pereigan rezultaton por nia komuna ideo povas doni Via agado, se Vi ne agos sufiĉe singarde! *Se Vi deziras, ke Via agado ne alportu malutilon anstataŭ utilo, Vi ne devas diri al la mondo, ke Vi kunvokas komitaton „por elekti inter la diversaj artaj lingvoj", sed Vi devas diri „por decidi pri la afero de lingvo internacia".*

Estu tre singardaj kun Viaj vortoj, ĉar alie Vi atingos ĝuste la malon de tio, kion Vi deziras atingi!

Ankaŭ kun la *formo* de Via decido Vi devos esti tre singardaj. Se Vi diros „ni *elektis* Esperanton" — tiam Vi (pro la supre dirita kaŭzo) ĉion terure malbonigos. Via decido povos alporti utilon nur en tia okazo, se Vi esprimos ĝin proksimume en la sekvanta maniero (mi donas kompreneble ne definitivan tekston, sed nur *ekzemplon*):

„Ni, senpartiaj delegitoj... esploris... kaj venis al la sekvanta konkludo:

„Ĉar la esploroj montris, ke devas esti elektita nepre nur lingvo *arta;*

„Ĉar en la nuna tempo ekzistas nur *unu* lingvo arta tute preta, perfekte vivipova, plene elprovita kaj multe uzata, kaj ĉio alia estas nur projektoj;

„Ĉar tiu ĉi lingvo apartenas al neniu aparta persono nek societo;

„Ĉar por la mondo estas grava la *ekzistado* de taŭga internacia lingvo, sed ne diskutado pri tiuj aŭ aliaj sensignifaj detaloj, kiuj prezentas nur aferon de gusto kaj neniam finiĝus:

„Tial ni venis al la konkludo, ke ĉiu amiko de la ideo de lingvo internacia devas nepre aliĝi al Esperanto kaj labori por ĝia disvastigado, kaj ke ĉiu, kiu batalas kontraŭ Esperanto, devas esti rigardata kiel malamiko de la ideo de lingvo internacia.

„Kelkaj plibonigoj, kiujn laŭ nia sperto estus utile fari en Esperanto, devas esti farataj ne de apartaj personoj, sed de la Centra Lingva Komitato Esperantista, kiu pro la bono de la afero konsiliĝas pri ĉio kun la aŭtoro de Esperanto, sed kiu estas tute sendependa de tiu aŭtoro kaj ĉiujn tri jarojn elektas mem siajn membrojn.

„Tiujn ĉi niajn konkludojn ni dissendas al la ministroj de publika instruado de ĉiuj landoj, al ĉiuj sciencaj societoj kaj al ĉiuj gazetoj, kun la peto, ke..."

Se la Delegacio agos en *tia* maniero, tiam ĝi alportos al nia komuna ideo grandan servon, aŭ (en la plej malbona okazo) almenaŭ nenian malutilon. Mi estas konvinkita, ke se Vi agos en *tia* senco, la eminentaj Esperantistoj volonte aliĝos al Vi.

Mi scias, kompreneble, ke Vi ne povas dikti al la Delegacio tian aŭ alian manieron de agado; sed Vi povas almenaŭ admoni ilin, ke ĉar oni ne povas antaŭvidi, kian aŭtoritatecon havos la komitato de la Delegacio, oni pro singardeco uzu ne la vorton „elekto", sed la sendanĝeran vorton „decido" aŭ „esploro", aŭ ion similan. Al komitato, kiu *„esploras"*, ĉiu Esperantisto povas kuraĝe aliĝi sen timo, ke li per tio ĉi *a priori* malkreditigas Esperanton, kiel tio ĉi estas ĉe la vorto „elekti".

Mi esperas, kara samideano, ke Vi ne koleros min, ke mi tiel malkaŝe klarigis al Vi mian nunan opinion pri la afero. Vi komprenos, ke mi faras tion ĉi ne pro ia aŭtora malhumileco. Mi faras al Vi mian proponon nur tial, ke mi estas konvinkita, ke ĝi estas la sola sendanĝera vojo, kiu kondukos nin al nia komuna celo. Se mi scius, ke la Komitato de la Delegacio estas sufiĉe aŭtoritata, por devigi la mondon akcepti ĝian decidon, tiam mi persone blinde akceptus *ĉion*, kion la Delegacio farus; sed ĉar mi tre forte timas, ke tiu aŭtoritateco ne estos tre granda, tial pro la bono de nia komuna ideo ni devas esti tre singardaj, ke ia nepripensita paŝo de la Delegacio ne pereigu la 20-jarajn laborojn de la Esperantistoj.

Kun kora saluto. Via

*L. Zamenhof.*

*La substrekado estas ne nia, sed Zamenhofa.* (Red.)

## Respondo de L. Couturat

Parizo, 18 januaro 1907.

*Sinjoro kaj kara Majstro,*

Ni dankas vin por viaj saĝaj konsiloj, kaj ni des pli inklinas sekvi ilin, ĉar ili estas tute konformaj al niaj intencoj kaj al nia plano...

Kio koncernas la hipotezon, ke nia Komitato akceptus en principo alian lingvon, ol Esp. — permesu al mi eĉ ne konsideri ĝin, tiel ĝi estas nekredebla, aŭ pli ĝuste neebla. Necesus, ke ni tre malbone elektu la membrojn de nia Komitato, aŭ ke ili estu tre perfektaj komediantoj, por ke ilia decido estu alia, ol tiu, kiun vi deziras same kiel ni.

La tuta demando limigas sin al jeno: ĉu Esperanto estos akceptita kun aŭ sen plibonigoj...

Estas klare, ke ne nia Komitato povas difini ilin en detaloj, kaj neniam ni pensis konfidi al ĝi similan taskon: jen kiel ni prezentas al ni, ke ĝi procedos. Unue ĝi konsultus vin; poste, kiam vi akordiĝos kun ĝi pri la principoj de reformoj (malgrandaj aŭ grandaj) plenumotaj, ĝi komisius al vi studi ilin detale, ekzameni ĉiujn eblajn sekvojn kaj rebrilojn, kaj prezenti al ĝi raporton, kiun ĝi devus nur aprobi.

Kaj jen kiel oni prezentus la aferon al publiko. Kompreneble, nia Komitato ne deklaros, ke ĝi „elektis" Esp. inter ĉiuj ĝiaj konkurantoj aŭ akceptis ĝin kun kondiĉo, ke oni faros en ĝi tiun aŭ tiun riparon; tio estus evidente tro malsaĝa kaj tio ne nur, kiel vi diras, alportus malbonon al Esp., sed ankaŭ tute senefikigus la decidojn de la Komitato. Ne, ĝi redaktus sian decidon en la senco kaj proksimume en la formo, kiun vi indikas kaj deziras; ĝi deklarus laŭte, ke Esp. estas la sola L. I. akceptebla kaj praktikebla, la sola respondanta al ĉiuj bezonoj, kiu jam pruvis tion. k. t. p.; kaj ĝi rekomendus tre klare akcepti ĝin tia, kia ĝi estas, en la lernejoj kaj en la oficialaj institucioj, kaj ĝi farus tuj la paŝojn necesajn por okazigi tiun akcepton. Poste ĝi montrus tre diskrete la „studojn" farotajn en formo simila al sekvanta: „Iaj Esperantistoj notis al la komitato kelkajn malfacilaĵojn praktikajn, aŭ petis kelkajn plisimpligojn... La Komitato komisiis al D-ro Zamenhof esplori tiujn demandojn (kun la partopreno de L. K., se ĝi okazos), kaj prezenti al ĝi pri tiu temo proponojn". Neniu vorto montrus aŭ lasus supozi, ke la afero rilatus al „perfektigado" aŭ „reformado" de Esp. Al la kontraŭuloj aŭ konkurantoj oni povus kontraŭmeti la formalan kaj senesceptan akcepton de Esp., faritan de la Komitato; al la malnovaj Esperantistoj oni dirus: „De nun vi nenion devas timi, Esp. estas akceptita tia, kaj ĝi estas, vi povas daŭrigi ĝin uzi kaj propagandi kun certeco". Kaj fine al la profanoj oni dirus: „Vi povas kuraĝe lerni Esp., ĉar ĝi estas akceptita, kaj neniu lingvo povos ĝin detronigi". Tiamaniere la propagando de Esp. suferus de tiu fakto neniun halton, nek malfruigon, sed kontraŭe ricevus novan impulson, kio estas plej grava.

Nun por efektivigi la reformojn aŭ korektojn (malgrandajn aŭ grandajn), la plej saĝa kaj la plej certa metodo estas tiu, kiujn vi konstante laŭdas, t. e. — tiu de neologismoj.

Evidente, la malnovaj libroj, kiuj formas literaturon tiel interesan kaj riĉan, ne devas fariĝi nelegeblaj por la novaj adeptoj tiel ke oni estas devigata traduki ilin en novan lingvon. Al ni ŝajnas, ke oni povas kontentigi (pli aŭ malpli) la reformistojn plej postulemajn ne rompante tiun kontinuecon, kaj enkondukante simple la neologismojn nedevigajn, kiujn oni povos uzi paralele kun la ekzistantaj formoj, ĝis la praktiko decidos inter ili, kaj transformigos la malnovajn (se tio okazos) en arĥaismojn. Tiu evolucio aŭ transformado, kiu dependos de la personoj, kiuj praktike uzos la lingvon, povos esti tiel malrapida, kiel oni tion deziras (se ĝi estos rapida, tio estos la signo, ke la reformoj respondas al ĝenerala kaj urĝa bezono). Por enkonduki tiujn neologismojn, oni povus prezenti ilin ne kiel plibonigojn, sed simple kiel formojn permesitajn pro praktika bezono, aŭ sub la nomo de provo: ekzemple, se oni dezirus (ĝi estas nur simpla hipotezo) eviti la uzadon de supersignitaj literoj, oni devus prezenti ortografion tian, kiu permesus pasi per la reguloj ĝeneralaj kaj unuformaj de l' ekzistanta ortografio al la ortografio nova, tiamaniere, ke oni povus utiligi la lernolibrojn kaj vortarojn, kaj oni proponus ĝin proksimume en sekvanta formo: „Ĉar multaj niaj samideanoj bedaŭris, ke oni ne povas presigi en Esp. ĉie, en ĵurnaloj, revuoj, aŭ en iu ajn presejo, kaj ĉar ili deziris havi por tiu celo ortografion (aŭ alfabeton) ‚propagandan', jen la ortografio, kiun ni rekomendas uzi, anstataŭante ĉ per..., ĝ per... k. t. p.". Ne nur oni ne notus, ke la formoj malnovaj estas juĝataj malpli bonaj, sed oni povus prezenti la novajn kiel simplajn rimedojn, ĝis la praktiko decidos inter ili. Unuvorte, la lingvo konservus sian kontinuecon, kaj se ĝi evoluus, tio okazus per maniero nesentebla kaj, krome, dezirita de la plimulto de ĝiaj adeptoj. La konservativuloj la plej fanatikaj ne povus plendi, ĉar ili neniel estus devigataj akcepti la „novaĵojn", kiujn ili trovus neutilaj, kaj povus konservi la „klasikan" lingvon; la reformistoj estus kontentigitaj, almenaŭ iom, kaj devus nur uzi sisteme la novajn formojn por ilin triumfigi. Al malkontentaj, se tiaj restus, oni povus ĉiam diri: „Oni ekzamenis konscience ĉiujn proponitajn reformojn; oni akceptis ĉiujn, kiuj estis eblaj sen la rompo de la unueco kaj kontinueco de la lingvo; kontentiĝu per tiu rezultato, vi estas tre feliĉaj, ke vi ricevis ĝin. Sed tiuj malkontentuloj estus malmultigitaj ĝis la lasta malgrandaĵo kaj estus dronigitaj en la amaso de novaj adeptoj.

Jen kiel ni prezentas al ni (kiel ni prezentis, eĉ antaŭ via letero) la taktikon plenumotan: al ni ŝajnas, ke ĝi tute kontentigas vin. Mi parolis pri ĝi kun S-ro Boirac antaŭtage de la ricevo de via letero (mardo), ĉar li ankaŭ diris, ke estus necese, por ne malutili al Esp., komisii la studon kaj la plenumon de l' reformoj al vi kaj al L. K. Mi tuj respondis al li, ke ni neniam alie prezentis al ni la rolon de nia Komitato, kaj ke ĝi ne povus sin okupi pri la detaloj de lingvaj demandoj.

Bonvolu akcepti, Sinjoro kaj kara Majstro, la esprimon de mia respektplena sento.

*L. Couturat.*

## Nuna Idista Stilo

Laŭ nia scio, ekzistas ankoraŭ nur du idistaj monataj bultenoj: „La Mondo" kaj la „Suisian idisto". Tiu ĉi lasta presigis en sia februara N-ro (1921) superordinaran kvanton da neveraĵoj kaj interalie personan kalumnion. Ĝentilan korekton pri faktoj ĝi rifuzis enpresi, kvankam la konscienco de l' redaktoro kaj ankaŭ la svisa leĝo devigas tion. Ĝi pretekstis, ke ni neniam enpresas leterojn en Ido. 1e Ni ne ricevas tiajn. 2e Ni neniam kalumnias personojn. 3e Ni ne deziras komenci lingvan diskutadon tie ĉi. Ni konsilas specialan studrevuon por tiu ĉi celo. Tamen por montri, ke ni tute ne timas vidigi al niaj legantoj ekzemplon de idista stilo, ni presigos parton el la artikolo de „Suisian idisto":

> „La propago di Ido esis dum multa yari tre desfacila pro manko dil necesa literaturo. Multyara laboro esis necesa por laboreskar la lexiki e la docolibri, e mem cadie ni ne ja posedas lernili por omna nacioni. La Espista chefi ya bone agnoskis la supereso di Ido, nultempe en lia jurnali li aceptis artikli en e pri Ido, timante ke lia adepti povus saveskar ube trovesas la progreso...
>
> Ma la chefi Espista ne ja darfas abandonar la kombato kontre la progreso. La granda librerio Hachette et Cie. en Paris posedas ankore stoko de nevendita Espolibri valoranta 1.800.000 franki. Se on ne plus komprus Espolibri, lore la „Imprimerio di Esperanto, rue Lacepède 33 en Paris", vane komprabus po multa mili de franki literi kun supersigni. E la 100.000 franki, quin heredis la Esperantisto Edm. Privat en Genève por la unika skopo durigar la propago por Espo? Ka tala sumo ne sucesas konvinkar ulu ke Espo esas plu valoranta kam Ido?"

*Respondo:* Kiuj opinias idon superan al Esp., tiuj fariĝis idistoj. Ni mem opinias la kontraŭon. Eĉ 100,000 Fr. ne sukcesus ŝanĝi nian opinion. Antaŭ kelkaj jaroj riĉa idisto vane proponis al ni grandan sumon. Tian lingvon ni ne komprenas. S-ro Hodler lasis al UEA la kapitalon de lia dumviva monhelpo por ĝiaj administraj kaj servaj deficitoj. Nek D-ro Privat, nek la propagando de Esp. ion heredis. Neniu el la ses oficistoj de UEA sin okupas pri propagando.

Entute la kaso de UEA dum 1920 monhelpis per kvincent frankoj la propagandon de ĝia vic-prezidanto ĉe internaciaj institucioj, inkluzive la presadon de dokumentoj dum la kunsido de la Ligo de Nacioj. Pri la firmo Hachette, ĉiu ja bone scias, ke ĝi

vendis sian restaĵon jam de pli ol du jaroj. Pri la Presa Societo, ĉiu ankaŭ scias, ke ĝi tute ne bezonis elspezi „milojn da frankoj" por supersignoj, ĉar ĝi ja fandigas mem siajn tipojn laŭvole per maŝino. Ni esperas, ke idistoj mem severe juĝos la konduton de „Suisian Idisto" kaj lojale bedaŭros ĝin.

# Japanoj kaj mondlingvo

Por Japanoj, la mondlingvo devas plenumi almenaŭ tri kondiĉojn: unue la lingvo estu facile lernebla, alivorte tiuj, kiuj havas sufiĉe da komprenokapableco povos ellerni ĝin facile kaj senpene; due necesas, ke oni povu klare esprimi per ĝi eĉ delikatan nuancon de homa penso, scienca, juĝa kaj literatura; kaj trie la lingvo estu neŭtrala, ĉar ĉia nacia lingvo kunportas unuflanke multe da malklareco kaj da malfacileco kreita per kaprica okazeto; aliflanke la lingva neŭtraleco estas nemankebla por meti ĉiujn naciojn sur la egala piedo pri la pensa esprimado.

Nun staras la dua demando: kian lingvan familion oni preferus kiel la bazon de la mondlingvo?

Mi simple respondas, ke indo-eŭropa lingva familio sin montras la plej taŭga por tiu ĉi celo, ĉar la orientaj lingvoj, pri kies studado mi senmezure interesiĝas, ne estos oportunaj pro tio, ke ili estas ĝenerale malfacilegaj kaj ne ludas universalan rolon en la mondo civilizo.

Tiamaniere ia artefarita (neŭtrala) lingvo bazita sur la indo-eŭropa lingvofamilio utilos kiel la mondlingvo.

Ĉu nuntempe ekzistas tia mondlingvo en la mondo?

Ekzistas Esperanto kaj ĝia ĉefa reformprojekto Ido.

En Eŭropo oni proponis ĝis nun serion da mondlingvoj, projektoj, tamen nur Esperanto kaj Ido vere funkcias. Tial la intereso kuncentriĝas pri tiuj du. Mi ankaŭ okupiĝas delonge kun la esplorado de ambaŭ.

Jen venas la tria demando: al kiu el du la Japanoj donas preferon? — Senpartia kaj zorga pristudado kondukas ilin alpreni Esperanton.

La kialon mi klarigos kiel eble plej simple, min apogante sur supercititaj kondiĉoj.

I. Por Japanoj Esperanto estas pli facila kaj pli rapide lernebla ol Ido rilate al gramatiko kaj nombro de vortoj.

Japanoj havas nenian antaŭsenton pri ambaŭ lingvoj, ili estas absolute nova afero. Tial lingva *simpleco* kaj *reguleco* tre gravas por ni.

Ido estas pli komplika ol Esperanto pri alfabeto (ido *sh, ch,* esp. *ŝ, ĉ*), artikolo (ido *la, le,* esp. *la*), nombro (ido *dek ed unu,* esp. *dekunu*), pronomoj (ido *vi, vu,* esp. *vi*), propozicioj (ido 42, esp. 25), kaj fine prefiksoj (ido 15, esp. 7), kaj sufiksoj (ido 42, esp. 26).

La malreguleco estas karakterizo de Ido; ekzemple Esperantaj vortoj „malfermi", „patrino", „malantaŭ" estas koresponde „apertar", „matro", „dope" en Ido. Eble tiaj Idaj sendependaj vortoj estus facile komprenataj de eŭropanoj sed por ni tia sistemo nur pliigas la senutilan cerbŝarĝon. Al mi ŝajnas, ke la Esperanta prefikso „mal" estas interalie tre ŝatata de Japanoj. Idistoj verŝajne kritikas Esperanton insistante, ke al ĝi mankas certa internacieco, tamen tiu ĉi internacieco komprenata de idistoj koncernas nur Eŭropon kaj alparto de mondo mizere staras ekster ilia pripensado.

II. Kiel ajn facila kaj simpla la lingvo estas, ĝi ne taŭgos sen plenumo de la dua kvalito: la lingva kapableco esprimi homan penson precize, klare kaj eĉ beletristike.

Pri precizeco Ido kiel Esperanto ludos preskaŭ saman rolon.

Tamen Esperanto estas malgraŭ ĝia simpleco pli favora laŭ klareco kaj beletristiko; kvankam Ido estas tre science konstruita lingvo kaj ĝia precizeco estas ŝatinda, al ĝi tamen mankas la elparola klareco kaj literatura gusto.

Japana lingvisto bone konata forlasis Idon kaj fariĝis Esperantisto pro la sona lingva beleco de Esperanto.

Ekzemple Esperanta esprimo „Estas lingvo" estas pli klara al oreloj ol Ida „esas linguo".

Oni rimarku plie, ke al Japanoj kaj Ĉinoj ĝenerale mankas la muzika kulturo, kaj la kristala klareco de elparolo estas necesega, por ke ili komprenu ian lingvon bone.

III. Pri la neŭtraleco, ambaŭ lingvoj feliĉe staras sur sama sistemo pro ilia artefariteco; sed mi timas, ke Ido tro similas al franca lingvo.

Pro tiuj kaŭzoj Japanoj aliĝis prefere al Esperanto por solvi la mondlingvan problemon.

Tamen en Esperanto ankaŭ ekzistas io maloportuna. Mi citos kelkajn duonklarajn vortojn de Esperanto; kiel ekzemple „redakcio", „redaktejo", „evoluo", „evolucio", „firmo", „firmao" k. t. p.; mi esperas, ke oni oficialigos la pli regulajn. Pri la uzado de akuzativo Japanoj ne tiom suferas; ĉar ni havas preskaŭ saman gramatikon. Tamen forigo de akuzativo eble faciligos la Esperantan konversacion.

La Japanoj estas tie entuziasmaj probatalantoj de mondlingvo kaj se finfine tiu ĉi problemo solviĝas sukcese, ĝi alportos grandan feliĉon al nia nacio. Ĉe la kunsido de la Ligo de Nacioj, japanaj delegitoj povos tiam bone kaj facile esprimi sin per la mondlingvo kaj la tielnomata mistera menso de Japanoj kvazaŭ magie heliĝos.

Oni pensu, ke ili ne povis ĝis nun sin klarigi pro la manko de fremdlingva kono.

La Ligo de Nacioj ne atingos la finan celon krom per la oficiala alpreno de la mondlingvo neŭtrala.

La lingvo estas prave granda potenco; sen la lingva egaleco, ne stariĝos la homa egaleco. *Ĉikao Fuĝisaŭa.*

## Nia Konkludo

Ni dediĉis tiun ĉi numeron al la ĝenerala ideo pri mondlingvo por pruvi nian kontraŭecon al ĉiu lingva fanatikismo, sed ni mem ne deziras malfermi diskuton en tiu ĉi gazeto pri teoriaj lingvaj demandoj. Nia vidpunkto estas, ke ni multe pli utilas al mondo sukcesigante kaj riĉigante Esperanton ol perdante tempon pri dubaj detaloj ĉiam diskuteblaj. Kio ĝis nun plej helpis al mondlingva progreso? Ĉu Delegacio, ĉu idismo, ĉu esperantidaj akademioj, aŭ ĉu Esperanto-Kongresoj, servado de UEA, instruado de Esperanto en lernejoj, eldonado de bonaj Esperantaj verkoj? La respondo ne estas duba. Ni do kuraĝe laboru antaŭen!

Literaturaj verkistoj kiel Romain Rolland, Henri Barbusse, la poeto Charles Baudoin lastatempe lernis kaj komparis Idon kaj Esperanton. Ĉiuj tri senpartie konkludis, ke Esperanto enhavas la karakteron de vivanta lingvo kun impresa originala esprimforto, dum Ido aperis kiel neflua, senspirita, geometria imitaĵo. Jen al kio kondukas korektemo kaj ŝanĝemo teoriaj! La idistoj mem malkonsilas verki literaturon, deklarante, ke mondlingvo nek celas, nek taŭgas al tio. Nu, jen ĝuste la supereco de Esp., ke ĝi ne estas limigita lingvo. Ĝi prezentas sin kun plena vivoforto. Ĉiam instinkte la mondo preferas la vivon kaj scias rekoni ĝin. Tial Esperanto disvastiĝas kaj inspiras homojn.

Ankaŭ tial ni en tiu ĉi gazeto ĉiam daŭros konsideri ĝin, ne kiel ia diskutota signaro, sed kiel tutmonda kultura lingvo esprimanta la novan penson de l' unuiĝema homaro. El tio venas nia toleremo kaj progresema vidpunkto rilate al lingvaj aferoj. Ni fidas al la vivo por libere kreskigi Esperanton kaj por defendi ĝian unuecon.

**Bonvolu tuj sendi vian reabonon 1921. Vi tiel ebligos al ni ŝparon de poŝtelspezoj kaj de valora tempo.**

# Kien ĝin meti?

Felietono de **Jan Neruda** (1886)

Jan Neruda (1834–1892) estis eminenta ĉeĥa poeto kaj beletristo.

Ĉu la leganto estis jam foje matene sur la strato? Mi ne volas la leganton ofendi, mi scias, ke la leganto estas moŝtulo kaj ne havas bezonon ellitiĝi antaŭ la naŭa — sed tamen, hazarde! Kaj se do hazardo elirigis lin iam el la domo pli frue, li certe — lia akra vidosento estas ja bone konata — rimarkis, ke sur la strato troviĝas ne nur homoj, sed ankaŭ objektoj, kiujn oni tie alitempe ne vidas. Same ankaŭ — ĉar bonkonata estas lia spriteco — oni ne povas dubi, ke li pri tiuj homoj kaj objektoj, sed precipe pri tiuj objektoj, poste meditis. Ie apud domo staras malnova kruĉo. Ie sur rando de trotuaro dratligita laktujo. Ie meze de la strato kuŝas pato. Kiel aperis tie tiuj objektoj? Ĉu ili en la nokto elpromenis el la negardataj bretoŝrankoj kaj poste ne retrovis la hejmenvojon, kiam ektagiĝis? Ĉu ili perdis pro ia hazardo, ĉe matena aĉetado, sian kuiristinon kaj atendas nun ĉi tie kiel bone dresita hundo, kiu, restinte sola, eksidas ekzemple meze de la vojo kaj ĉirkaŭrigardas, ĝis kiam la posedanto ree ĝin elserĉas?

Nu, bone. Nuntempe oni parolas pri la ĥolero kaj pri la preparoj kontraŭ ĝi — mi petas la leganton, ke li min ne interrompu, ke li ne demandu, kiel tio reciproke interrilatas — li lasu min nur trankvile skribi kaj skribi, fine li tamen ree nur vidos, ke mi ne parolas almenaŭ *tro* malsaĝe! Nu do: oni parolas pri la ĥolero. Kion oni faru, por ĝin eviti. Antaŭ ĉio: pureco de la loĝejo estas laŭdire duona sano. Desinfekto de l' aero estas ankaŭ duona sano. Sana viando bova, bovida kaj porka estas ankaŭ duona sano. Bona biero de Plzeň estas ree duona sano. *Summa summarum:* se oni ĝuste atentas ĉiujn instrukciojn, oni estas en la sezono de ĥolero 2½-oble pli sana, ol verdire estas necese. Sed kial mi ne atentu skrupule ĉiujn instrukciojn, se ili *a)* celas mian sanecon, *b)* se la plenumado de oficialaj ordonoj samtempe plenigas homon per neesprimebla feliĉo!?

Apenaŭ mi do tralegis ĉe la plej proksima stratangulo la koncernan magistratan ordonon, mi tuj interrompis mian promenon kaj revenis hejmen. Nu — mi opinias, ke pureco estas ĉi tie sufiĉa! La planko kaj meblaro estas sub konstanta kaj zorga inspekto de mia Anjo. La libroj estas nur sub mia propra inspekto, sed mi pensas, ke iom da polvo eĉ ne malutilas ilin — aliokaze ja ili aspektas tiel lukse, tiel fanfarone kaj malsprite! Kaj la ceteraĵo — hm, nenia ceteraĵo ja verdire ekzistas. Maksimume do la lito — sed kio en la mondo povus esti pli pura ol lito de fraŭlo?!

La kapkusenoj kiel du cignoj. La kovrilo kiel floro de lilio. La litotukoj kiel neĝo. La matracoj kiel pufkuketoj. La pajlosako — la pajlosak' — —

„Anjo!"

„Vi bonvolas deziri?"

„Kiam mi ŝtopigis lastafoje mian pajlosakon?"

„Tion mi ne scias — dum mi estas ĉi tie, neniam — la pajlo estas jam certe tute kuŝpistita."

Anjo estas ĉe mi ses jarojn. Mi serĉas en la memoro, forvagante antaŭ la ses jaroj — vana serĉado! Mi aĉetis la pajlosakon, plenŝtopitan kaj trastebitan, ankoraŭ en la tempo de mia roza juneco — —

„Anjo!"

„Vi bonvolas deziri?"

„Jen 75 krejceroj — vi iros tuj al furaĝisto kaj aĉetos tri faskojn da pajlo — tuj, mi diras!"

Anjo kuregas. Anjo altrenas tri faskojn da pajlo. Ŝi prenas la pajlosakon, malstebas ĝin, disigas la kunkudraĵon, ekskuas interne la pajlon —

„Sed — kien ni poste donos la pajlon malnovan!?"

Virina prudento estas tamen pli akra ol la nia! Tia ideo ankoraŭ longe ne estus veninta en mian kapon! Jes, antaŭ ol ni reŝtopos, ni devas ja elpreni la malnovan pajlon kaj — *kien* ĝin meti? Ĉu elĵeti ĝin tra la fenestro, sur ies kapon?

„Kien oni kutimas doni tian malnovan pajlon?

„Tion mi ne scias!"

„Hm", diras mi subite, „jen estas monero, kiu valoras dek krejcerojn. Iru en la altan domon tie kontraŭe. Oni tie havas kavon por balaaĵo — donu al la kortisto tiun dekkrejceran moneron, kaj li permesos al vi, ke vi elŝutu la pajlon en la balaaĵujon." La vira prudento ja ankaŭ ne estas tute sentaŭga!

Ŝi iris kaj revenis. Ke la kortisto ne volas. Ke en la kavon servistinoj ofte ĵetas ankaŭ varman cindron, kaj la pajlo povus facile ekbruli. Kaj ke ankaŭ la kavo baldaŭ estus plena, kaj la kampisto ne forveturigos la balaaĵon nun, sed nur en la vintro, ĉar nuntempe li estas hejme tre okupata.

„Kion do fari?"

„Mi ne scias!"

„Sed ja!" vokas mi post momento — la vira cerbo estas eĉ admirinde produktema! — „morgaŭ estos merkredo, kaj komunuma veturilo venos, por forporti balaaĵon! Vi prenos tiun dekkrejceran moneron, donos duonon al la balaaĵisto, kiu sonorigas, kaj duonon al la veturigisto, kaj ili mem tion elŝutos en la veturilon."

„Bone, sed sur kio do vi bonvolos hodiaŭ dormi? La pajlosakon mi ne povas jam meti en la liton, ĝi estas malkudrita, la pajlo ja elfaladus tra inter la lignoplatoj —"

„Certe — nu, sed — mi dormos do sur la planko! Ni metos la longan apogan kusenon de la kanapo sur la plankon, sur ĝi ni bele sternos la litotukon — kaj mi dormos kiel reĝo — tio estos grandioza!"

Efektive mi dormis kiel reĝo. Kaj tuj matene elportis Anjo la pajlosakon en la koridoron antaŭ la pordon, kaj ni atendis. La sonoristo venis, kaj mi rapide elklinis min el la fenestro, por esti atestanto de la proceduro. La veturilo brue alproksimiĝis, Anjo kun la pajlosako elpuŝis sin antaŭ la domon.

„Kaj eĉ se vi donus al mi guldenon, mi tion ne prenos en la veturilon — mi ne povas, mi havas malpermeson!" ekkriis la veturigisto kaj vipinstigis la ĉevalojn.

Anjo trenis la pajlosakon ree hejmen.

„Tio estas jam malbeninda!" diras mi.

„Ĝi estas malbeninda," konfirmis Anjo.

„Entreprenu do ion — pro la sankta ĉielo! — demandu ie, kion faras aliaj homoj!"

Anjo kuregas. Proksimume post unu horo ŝi ree alkuras. „Ke plej bone estas, forbruligi ĝin en la forno."

„Nu, certe — kial ne venis al ni mem tiu ideo! Do hejtu! Kaj aŭdu: trairu la domon kaj demandu, ĉu oni eble ne bakos ie buĥtojn kaj ne volas perfekte ruĝvarmigi la fornon? Aŭ brulpurigi la kamentubon — ĉu vi komprenas?"

Anjo kuregas jam refoje. Kaj poste ŝi komunikas, ke oni nenie bakos buĥtojn, kaj ke oni nenie deziras brulpurigi la fornotubon. Sed ke ŝi devas nun jam foriri al la vendoplaco, kaj ke okupi sin per tiu bruligado ŝi ankaŭ ne povas, nur do vespere. Ke oni tiam devas senĉese ĉe tio sidi. — Nu bone!

Venis la vespero kaj finiĝis la vespermanĝo. Anjo komencis eltiradi la pajlon, fari fasketojn kaj ŝovi ilin en la fornon. Mi eksidis en la ĉambro al la skribotablo kaj aŭskultis, kiel bele ĝi el la kuirejo en la kamentubon blovas kaj kiel ĝi bruas. Mi fumis kontente mian cigaron — tiun ĉi bruetadon en la kamentubo mi treege amas!

Subita tumulto antaŭ la domo. Homaj voĉoj ekstere, poste en la domo sonorado. Mi eksaltas kaj aŭskultas apud la koridoro, kio okazas. Oni diras, ke ĉe ni el la kamentubo elflagras fajro kaj forflugadas eĉ sur la trian tegmenton.

„Pro la sankta ĉielo, Anjo — ĉesu hejti! Rapide kaŝu la pajlosakon ie en la ĉambro, kaj se ili venos al ni, faru mienon, kvazaŭ vi scius tute nenion! Ĉu la forno estas varmega?"

„Ho, neniel — de kelke da tiuj fasketoj — preskaŭ malvarma ĝi estas!"

Ili ne venis — dankon al Dio! La fajro ĉesis flugadi sur la tegmentojn, kaj la homoj sur la strato post iom da tempo disiris.

Malbonhumore mi elblovadis fumnubetojn al la plafono. Kaj tre ĉagrenite mi poste ekkuŝis ree sur la tero.

Kompreneble la sekvinta mateno refreŝigis min. Tuj mi eliris eksteren, por esplori. Mi demandis policanon. Mi demandis publikan serviston. Mi demandis ĉiujn konatajn sinjorinojn.

La policano soldate salutis: „Tion mi ne scias." La servisto levetis la ĉapon: „Mi ne scias, sinjoro." La sinjorinoj diris, unu kiel alia: „Jes, tiaj aferoj estas malfacilaj!"

„Kara knabino", diras mi al Anjo, reveninte hejmen, „ĝi estas granda zorgo! — Sed nenia helpo, tiel ĉi ni ne povas tion lasi. Ĉu vi scias pretigi papersaketojn — ne? nu, mi instruos vin pri tio, venu!" Kaj ni faris paperkornojn kaj plenigadis ilin per pajlo. Kaj kiam ni havis jam rimarkindan amaseton da ili, mi enŝtopis kelkajn en miajn poŝojn, iris ree promeni kaj ŝutperdadis paperkornojn ĉie, tra kie mi paŝis. La saman tagon mi iris promeni ankoraŭ sesfoje. Kaj la sekvintan tagon dekdufoje.

Tion mi praktikis dum kvar tagoj, kaj la rezulto estis, ke ni malplenigis el la pajlosako nur unu malgrandan anguleton. Kaj mi kalkulis, ke mi devus tiamaniere iradi proksimume sep monatojn.

Certe mi ne bezonas diri, ke mi estis jam malsana. Pri nenio alia mi jam pensis. En la kapo mi jam havis nur pajlon kaj antaŭ la okuloj ankaŭ pajlon. Jen en tiu ĉi angulo de la ĉambro staris tri garboj, jen en tiu angulo mia malfeliĉa pajlosako, kaj tie ree la longa apoga kuseno de la kanapo — kien — kien turni la okulojn!? Kaj kiam mi nokte kuŝigis min surteren, mi insultis kaj malbenis tiel, ke tio vere estis jam skandalo. Mi preskaŭ ne dormis, leviĝadis matene antaŭ la suneliro kaj tuj denove forkuris, por promeni.

Kaj ĉe unu el tiuj promenoj do okazis, ke mi rimarkis sur la strato tiujn kruĉojn, laktujojn kaj patojn, kiujn la akrevida leganto kompreneble estas rimarkinta tuj en la komenco de ĉi tiu artikolo.

Sed pri la kruĉoj, laktujoj kaj patoj la afero estas jena: Ĉiu loĝanto de Praha rajtas posedi ian kruĉon, eventuale laktujon, kaj ankaŭ paton — tio ne estas ripročinda kaj kontraŭ tio ne ekzistas puno. Jen okazas, ke ekz. la kruĉo disrompiĝas — kaj *nun* venas la afero! *Kien ĝin meti!?* Se vi ĝin ĵetas sur la korton, la domservisto devigas vin, ke vi ĝin bonvolu afable repreni. Se vi ĝin elĵetas sur la straton, kaptas vin policano. Se vi ĝin enĵetas al la balaaĵo en la veturilon, la balaaĵisto reĵetas ĝin al vi. Li ne prenas ĝin eĉ por la plej bona trinkmono, li havas severan malpermeson. — Bone. Vi do prenas la kruĉon en la nokto, eliras sur la straton kaj metas ĝin nerimarkate — nu, kien ajn. Kaj la sekvantan tagon forigas ĝin la balaaĵisto el la strato, eĉ sen trinkmono, kaj la afero bone finiĝas.

En mian kapon venis ideo malhonesta! Ĉu mi ne povus nokte kun Anjo preni la pajlosakon, forporti ĝin malantaŭ la stratangulon kaj elŝuti la pajlon!? Ideo nepre nebela — nenobla — kontraŭleĝa — sed mi konfesas: al mi ĝi plaĉis! Oni, ah, tiel facile fariĝas malbonulo!

Estas ja vere — min ordinare trafas malfeliĉo. Subite, Dio scias de kie, antaŭ mi aperos patrolo. Ĝi postulos, ke mi la pajlon ree forprenu. Mi kontraŭstaros, finfine mi kulpiĝos per ia parola krimo, oni min arestos, forkondukos — je unu fojo estos perdita mia burĝa senmakuleco — sed ĉio tio estas por mi jam tutegale — mi —

„Sinjora moŝto — via sinjora moŝto" — subite enfalis Anjo en la ĉambron — „mi scias jam, kien doni la pajlon! La laktistino — tiu, kies veturileto ĉiam haltas antaŭ la najbara domo — volonte ĝin prenas, ŝi bezonas sternaĵon por la stalo! Morgaŭ ni ĝin donos al ŝi!"

„Sed ĉu tio estas certa?"

„Nepre!"

Kion mi diru ankoraŭ!? En tiu nokto mi dormis bone. Kaj la sekvintan matenon portis do mi kaj Anjo la pajlosakon al la laktistino, kiam Anjo memkompreneble estis ankoraŭ antaŭdemandinta, ĉu ŝi nian donacon efektive akceptos.

Ĝi estis belega momento! Kiam la laktistino redonis al ni la malplenan sakon, mi estis venkita de la impreso, kisis ŝian manon, ĉirkaŭbrakis sincere ŝian ĉevalon kaj poste paŝis kun larmoj en la okuloj al la hejmo.

Kaj hejme ni prenis la freŝan pajlon kaj ŝtopis do ree. Kaj kiam la pajlosako estis jam denove plena, mi kaptis Anjon, komencis fajfi „Sur la verda herbejet'", kaj ni dancis ĉirkaŭ la pajlosako „sousedská"[1], ĝis ni eksentis kapturniĝon.

Jen la tuta historio, kiel ĝi okazis, kaj kiel mi ĝin rakontas. Ĝi estas bela kaj laŭsezona; mi estas je ĝi kontenta kaj finas.

Tradukis: *Miloš Lukáš.*

[1] Ĉarma nacia danco ĉeĥa, de 3/4 takto, nerapida kaj tial ŝatata precipe de maljunaj dancemuloj. — *Rim. de la tradukinto.*

# La Du Vojaĝantoj

Fablo de **Florian**

*Onklo Tomo iris kun amiko Lubo,*
*Al proksima urbo paŝis li sen dubo.*
*Tomo trovas sur la vojo*
*Monsaketon, kun la ĝojo.*
*Luidorojn ĝi enhavas,*
*Ili Tomon tute ravas,*
*Tuj li ĝin en poŝon metas,*
*Ĝoja Lubo aldiretas:*
*— Estas ĝi por ni trovaĵo multe ĉarma!*
*— Tute ne, respondas Tomo jam malvarma,*
*La* por *ni ne estas vorto prava,*
*Mono estas nur* por mi *la brava!*
*Lubo plu neniom rimarketas,*
*Kaj la ambaŭ ĝene vojiretas.*
*En arbaro ili marŝas, ĉar la kampoj estas trapasitaj,*
*Kaj subite, kontraŭ ili, kuras viroj armkovritaj . . .*
*Tom' tremanta, ne sen kaŭzo, murmurdiras:*
*— Estas ni perditaj . . . mi apenaŭ spiras!*
*— Ne, al li respondas moke Lubo,*
*Vorto* ni *ne taŭgas, sen la dubo,*
*Sed la* ci, *jen estas dia justo!*
*Malaperas Lubo en arbusto.*
*De la timo ŝtonigita*
*Tomo estas vivkaptita.*
*Por mildigi la sinjorojn*
*Li fordonas luidorojn.*
*Krome devas li oferi ŝuojn kaj ĉapelon,*
*Silkan tukon, sian monon kaj ombrelon.*
*La rabistoj opinias, ke sufiĉas por hodiaŭ,*
*Tre ĝentile lin salutas, kaj foriras . . , sen adiaŭ!*
*Kiu pensas nur pri si, kiam li bonvivas riĉa,*
*Tiu restas sen amik' dum la tempo malfeliĉa.*

El la franca lingvo tradukis:
*Petro Stojan,* L.-K. (Serbio).

# El „La Ĝardenisto“

De **Rabindranath Tagore**

Rabindranath Tagore, filo de l' Maharsi (= granda saĝulo) Debendranath Tagore el la fama familio Thakur (angle Tagore), naskita 1861, estas unu el la plej popularaj personoj de Hindio. Profundpensa filozofo, spirita gvidanto de sia popolo, historiesploristo, pedagogo, gazeteldonisto („Sadhama“, „Bharati“, k. a.), kunfondinto de la hinda nacia universitato, fondinto kaj direktoro de la artakademio en Kalkutta, kantisto kaj komponisto kaj — kio donas al li universalan eminentecon — admirinda poeto de l' amo en ĉiuj ĝiaj formoj. Liaj versoj jen naivaj kaj delikataj, jen pasiaj kaj entuziasmaj, tuŝas kaj emocias la koron de *ĉiu* homo sen diferenco de la nacieco. El liaj multaj verkoj en lingvo bengala mi citas nur la romanojn „Gora“, „Nouka Dubi“ (Boatpereo), la dramojn „Reĝo kaj reĝino“, „Ĉitra“, „La Poŝtoficejo“, la poemarojn „Ora Boato“, „Amo“, „Junaĝaj Revoj“, „Kantoferoj“ (pri diamo), „La kreskanta Lumo“ (pri amo inter patrino kaj infano) kaj „La Ĝardenisto“ (pri amo inter vir' kaj virino). Kelkajn el siaj verkoj li eldonis *mem* en lingvo angla (ĉe Macmillan & Co., London). 1912 li ricevis la Nobelpremion por literaturo.

### *Kiel kanto*

Manoj kroĉiĝas en manoj, kaj okuloj sopiras al okuloj: tiel komenciĝas la historio de niaj koroj.

Estas lunhela nokto en marto; la dolĉa odoro de henno estas en la aero; mia fluto kuŝas neatentata sur la tero, kaj via girlando de floroj estas nefinita.

Tiu ĉi amo inter vi kaj mi estas simpla kiel kanto.

Via safrankolora vualo faras miajn okulojn ebriaj.

La jasmenkrono, kiun vi plektis por mi, penetras en mian koron kiel laŭdo.

Estas ludo de donado kaj rifuzado, senvualigado kaj rekaŝado, iom da rideto kaj iometo da timemo kaj kelkaj dolĉaj senutilaj bataloj.

Tiu ĉi amo inter vi kaj mi estas simpla kiel kanto.

Neniu mistero trans la nuno; neniu penado por la neeblo; neniu ombro post la ĉarmo; neniu palpado en la profundo de l' mallumo.

Tiu ĉi amo inter vi kaj mi estas simpla kiel kanto.

Ni ne vagas el ĉiuj vortoj en la ĉiaman silenton; ni ne levas niajn manojn en la malplenon por aĵoj trans espero.

Sufiĉas al mi, kion ni donas kaj ricevas.

Ni ne elpremegis la ĝojon ĝis la ekstremo por ĉerpi de ĝi la vinon de sufero.

Tiu ĉi amo inter vi kaj mi estas simpla kiel kanto.

### *Princido pasas*

Ho patrino, la juna princido pasos antaŭ nia pordo — kiel mi povas atenti al mia laboro tiun ĉi matenon?

Montru al mi, kiel mi plektu miajn harojn; diru al mi, kiun vestaĵon mi surmetu.

Kial vi rigardas min mirigite, patrino?

Mi scias bone, ke li ne unufoje suprenrigardos al mia fenestro; mi scias, ke li elpasos el mia vido post momenteto; nur la malaperanta ludo de fluto venos ĝemante al mi de malproksime.

Sed la juna princido pasos antaŭ nia pordo, kaj mi vestos mian plejbonon por tiu momento.

Ho patrino, la juna princido pasis antaŭ nia pordo, kaj la matensuno brilis de sur lia veturilo.

Mi ŝovis flanken la vualon de mia vizaĝo, mi ŝiris la rubenĉenon de mia kolo kaj ĵetegis ĝin sur lian vojon.

Kial vi rigardas min mirigite, patrino?

Mi scias bone, ke li ne suprenprenis mian ĉenon; mi scias, ke ĝi estis frakasata sub liaj radoj relasante ruĝan makulon sur la polvo, kaj neniu scias, kio estis mia donaco, nek por kiu.

Sed la juna princido pasis antaŭ nia pordo, kaj mi ĵetegis la juvelojn de mia brusto sur lian vojon.

### *Diru ĝin*

Ne tenu en vi la sekreton de via koro, mia amiko!

Diru ĝin al mi, nur al mi, sekrete.

Vi, kiu ridetas tiel afable, flustru mallaŭte, mia koro ĝin aŭdos, ne miaj oreloj.

La nokto estas profunda, la domo estas silenta, la birdnestoj estas kovritaj per dormo.

Diru al mi tra hezitaj larmoj, tra ŝanceliĝaj ridetoj, tra dolĉaj honto kaj doloro la sekreton de via koro!

### *Patrino tero*

Senfina riĉaĵo ne estas via, mia pacienca kaj malhela patrino tero!

Vi penegas por plenigi la buŝojn de viaj infanoj, sed nutraĵo estas malabunda.

La dono de gajeco, kiun vi havas por ni, estas neniam perfekta.

La ludiloj, kiujn vi faras por viaj infanoj estas facile rompeblaj.

Vi ne povas kontentigi ĉiujn niajn esperojn malsatajn, sed ĉu mi forlasu vin pro tio?

Via rideto, kiu estas surombrata per doloro, estas dolĉa al miaj okuloj.

Via amo, kiu ne konas plenumon, estas kara al mia koro.

El via brusto vi nutris nin je vivo, sed ne je senmorteco. Tial viaj okuloj estas ĉiam maldormaj.

Dum longega tempo vi laboras per koloro kaj kanto, sed via ĉielo ne jam estas konstruita, sed nur ĝia mizera sugestiaĵo.

Super viaj kreaĵoj de belo estas la nebulo de larmoj.

Mi volas verŝi mian kanton en vian mutan koron, kaj mian amon en vian amon.

Mi volas adori vin per laboro.

Mi vidis vian delikatan vizaĝon, kaj mi amas vian malĝojplenan polvon, Patrino Tero.

Trad.: *Walter Lippmann.*

---

# Fajretoj

De **V. G. Korolenko**

Jam, delonge, malluman aŭtunan vesperon mi estis naĝanta malafablan riveron de Siberio. Subite, sur la turno de l' rivero, antaŭe, sub la malhelaj montoj movbrilis fajreto.

Movbrilis hele, forte, tute proksime...

— Nu, gloras Dion — diris mi ĝoje — proksime estas dormejo!

La remisto turnis sin, rigardis trans ŝultro la fajreton kaj denove prenis remilojn.

— Malproksime!

Mi ne kredis: la fajreto jen staris elbordiĝante antaŭen el sendifinita mallumaĵo. Sed la remisto estis prava: montriĝis efektive malproksime.

Eco de tiuj ĉi noktaj fajroj — estas alproksimiĝadi, venkante mallumon, brili kaj promesi kaj alvoki per sia proksimeco. Ŝajnas jen, ankoraŭ du — tri batojn per remilo, kaj la vojo estos finita... Sed intertempe — estas malproksime!...

Kaj longe ankoraŭ naĝis ni sur la nigra kiel inko rivero. Intermontoj kaj ŝtonegoj eliris, aliris kaj foriris, restante malantaŭe kaj perdiĝante, ŝajnis en senfina malproksimaĵo, sed la fajreto ĉiam staris apude, transverŝiĝante kaj alvokante — ĉiam tiel proksime, ĉiam tiel malproksime...

Ofte nun mi rememoras la malluman riveron, ombrigitan de ŝtonegaj montoj, kaj tiun ĉi vivan fajreton. Multaj fajroj kaj frue kaj poste alvokis ne min solan per sia proksimeco. Sed la vivo fluas ĉiam en tiuj samaj malgajaj bordoj, kaj la fajroj estas ankoraŭ malproksime. Kaj denove estas necese labori per remiloj...

Sed tamen... tamen antaŭe estas la fajroj!...

El rusa lingvo esperantigis: *S. Grigoriev.*

## SUKCESOJ DE ESPERANTO

### En Parizaj Komercaj Lernejoj

Grava sukceso de Esperanto estas ĝia ĵusa akcepto de la Komerca Ĉambro en Paris. Ni ne povas presigi la tutan raporton (6 paĝan) prezentitan de S-ro André Baudet; sed ni donas ĉi sube la konkludon:

„La Komerca Ĉambro de Paris:

Konsiderante, ke la komunikado tra la tuta mondo estus grande faciligata per uzo de internacia helplingvo, konsiderante, ke neniel oni devas malutili al naciaj lingvoj kaj speciale al la franca, kies literaturo, intime ligata al nia historio, estas riĉa je senmortaj ĉefverkoj,

Konsiderante, ke la helplingvo kontraŭe devas esti starigata kvazaŭ internacia lingva signaro utilonta kiel komprenilo inter la nacioj kaj devas tial esti facile kaj rapide lernebla,

Konsiderante, ke Esp ranto videble kunigas la deziratajn klarecon kaj laŭmetodan simplecon en gramatiko, vortaro kaj riĉa esprimilaro,

*1e Decidas permesi la nedevigan instruon de Esperanto en siaj komercaj lernejoj.*

*2e Esprimas la deziron, ke tiu instruo estu ĝeneraligita en Francio kaj eksterlande, kaj ke la ĉiulandaj Komercaj Ĉambroj, dezirantaj faciligi la komercajn interrilatojn, helpu la rapidan divastigon de la internacia helpa lingvo."*

Tiu raporto estis *unuanime* akceptita la 9 januaro de la Komerca Ĉambro kaj la decido anoncita en la tuta gazetaro kaŭzante multajn favorajn artikolojn.

***Noto de la Red.*: Ni invitas ĉiujn delegitojn de UEA kaj Esp. grupojn en la tuta mondo konigi tiun ĉi gravan decidon al la komerca ĉambro de sia urbo.**

### En ĝenevaj lernejoj

Post raporto de D-ro Edm. Privat al la lernejinspektora kunsido, la registaro de Ĝeneva Respubliko kaj Kantono decidis enkonduki *devigan* instruadon de Esperanto en la sepa (lasta) jaro de ĉiuj unuagradaj lernejoj depost septembro 1921 kiel oficiala provo. Ĉiuj instruistoj ricevis la inviton sin prepari por tiu dato. Post Eccles, Breslau, Chemnitz, Milano, Chaux-de-Fonds, k. t. p., jen Ĝenevo. Kie tuj poste?

### Esperanto savis infanojn

Propagandisto diris foje aludante je la servoj de la Delegitoj, ke UEA estas unu el la plej grandaj asocioj de reciproka helpo. Oni povas same diri, ke la tuta Esperantistaro estas ne nur aro de partianoj de bela lingvo kaj idealo sed ankaŭ de plej sincera homamo.

Dum la milito multaj leteroj estis transsenditaj en nia officejo inter parencoj disigitaj; multaj pakaĵoj da nutraĵoj estis senditaj al ĉiulandaj militkaptitoj. Nuntempe, kiam la granda homa buĉado finis, sed dum ĝiaj sekvoj ankoraŭ pezas sur la ekonomia vivo de la popoloj, la Esperantistoj daŭrigis alimaniere sian homaman helpon.

Svisa komitato Esperanta sendis por pli ol 500 fr. da nutraĵoj al la samideanoj de malsatanta Aŭstrio.

Ricevinte Esperantan cirkuleron de S-ro Izsó László el Szombathely (Hungario) petante helpon por malsatantaj infanoj, S-ro José N. Berrios kaj lia frato D-ro R. Berrios Berdecia en Barranquitas (Porto Rico) ĝin tradukis hispane kaj ĝin dissendis kun la konsento de la Framasona Unuiĝo al la framasonoj de Porto Rico. La rezulto estis, ke ĝis la 7 decembro pasinta 85 dolaroj estis senditaj al la Esperanta grupo de Szombathely.

Sed medio, kie la plej sekvoplenaj klopodoj estis faritaj, estas en la sendo de infanoj eksterlande. Tie troviĝis ne nur bonfara celo sed ankaŭ plej interesa provo rilate nia lingvo kaj efika enkonduko de la infana animo en la internacia vivo kaj spirito. Dudek germanaj infanoj el Dresden estis akceptitaj de S-ino Mammen, S-ro Blicher kaj aliaj danaj Esperantistoj dum la tuta daŭro de pasinta vintro.

Pli ampleksa estis la sendo de 400 stiriaj infanoj al Hispanio. Lerninte la unuajn elementojn de nia lingvo kaj portante flugfolion kvarlingvajn klarigante de kie ili venas, kien ili iras, ke ilia lingvo estas nur germana kaj Esperanta, tiuj malbone nutritaj infanoj estis akceptitaj feste en Barcelona. S-ro Bartel kaj S-ino Halke el Graz akompanis ilin. La aŭtoritatoj hispanaj kaj granda nombro de Esperantistoj ĉeestis la elŝipiĝon, kiu estis vere emociiga; la infanoj kantis la „Esperon" kaj flirtigis Esperantajn flagojn. Per elektra vagonaro la infanoj foriris al Terrassa, kie ili estis akceptitaj de diversaj familioj antaŭ ilia revojaĝo al diversaj hispanaj urboj, kie komitatoj specialaj atendis ilin. Inter tiuj, riskante forgesi multajn, ni citu tiujn de Barcelona (S-ro Serrat), Vic (S-ro Comella), Terrassa (S-ro Alavedra), Sabadell (S-ro Uriach), Gerona (S-ro Casanovas), k. t. p. La Centra komitato estas en Zaragoza; estras S-ro Emilio Gaston, konata Esperantisto.[1]

Se iu dubas preter vi pri la „interna sento" kaj volas vidi en Esperanto nur signaron, tiam parolu al li pri la anima interkonsento inter hispanaj kaj aŭstriaj samideanoj, kiu kaŭzis la fizikan resaniĝon de 400 malfortikaj kaj malgrasaj senkulpuletoj!

[1] Similan gastigon al aŭstriaj infanoj volis organizi sudfrancaj Esperantistoj, sed la registaro malpermesis.

## DOKUMENTOJ

Respubliko kaj kantono de Ĝenevo

18 Februaro 1921.

*La Ŝtatkonsilisto, Fakestro por Publika Instruado al Gesinjoroj instruistoj de la kompletigaj klasoj*

Gesinjoroj,

Ni havas la honoron informi vin, ke, laŭ la propono de la Inspektora konferenco, la Fako por Publika Instruado decidis, enkonduki en la kompletigaj klasoj *(sepa lasta jaro de l' unuagrada lernejo Red.)* devigan instruadon de Esperanto, kiel provo, dum la lernjaro 1921—1922.

Ni ne opinias necese indiki la multajn kaŭzojn kiuj pravigas tiun paŝon en unu el la klasoj de niaj ĝenevaj lernejoj. La spertoj faritaj en anglaj lernejoj, la raportoj prezentitaj al la Ligo de Nacioj de komisiono studinta la proponon de diversregnaj delegitoj kaj montrinta la necesecon de internacia lingvo, certe ne pasis nerimarkate de vi. La Fako por Publika Instruado organizos por la geinstruistoj de la sepa klaso kurson farotan de D-ro Edm. Privat por ilin pretigi al komenco de tiu instruado en Septembro proksima. Kompreneble nek la sekvado de tiu kurso, nek via persona partopreno en la decidita instruado devas esti trudo. Tamen, la Fako p. P. I. tre forte deziras, ke Esperanto en la 7a klaso povu esti instruata de la ordinaraj klasinstruistoj mem. Ĉi dediĉos specialan alpagon al tiuj el vi, kiuj ne timos entrepreni tiun novan taskon.

Mi petas, ke vi min informu antaŭ Mardo proksima ĉu vi estas preta sekvi la kurson kaj entrepreni mem la deciditan instruadon en la 7a klaso proksiman jaron.[1]

Subskribis: *Ŝtatkonsilisto Mussard.*

[1] Ĉiuj klasinstruistoj respondis jese — *Red.*

# XIII-a UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO EN PRAHA (Ĉeĥoslovakio)

**31 julio ĝis 6 aŭgusto 1921**

*Sesa Komuniko*

**Fakaj kunvenoj.** — Por filatelistoj organizas S-ro Fleischer, teosofanoj S-ro Cimr, ŝakludantoj S-ro Hájek, kiu aranĝos ankaŭ vetludon de Esperantaj ŝakistoj.

**Kotizaĵo.** — Vidu la kvinan komunikon!

**Deponado de la mono en Praha.** — Vidu la kvaran komunikon!

**Vojaĝaferoj.** — Vidu la kvaran komunikon!

**Garantia fundo.** — 1. S-ro Ĉech el Wien 100 Kĉ.; 2. D-ro Róbin, Warszawa 100 Kĉ.; 3. S-ro Heek, Hengelo 500 N. G. Garantiu precipe Esperantistoj el landoj kun bona valuto!

**Donacoj.** — Ĉeĥoslovaka ministerio por eksterlandaj aferoj 5000 Kĉ.; S-ro Heek el Hengelo 60 N. G.; S-ino Mammen el Grenaa kaj ŝiaj 10 lernantoj-skoltoj 100 Kĉ.; S-ro Straka-Bratislava 100 Kĉ.; Prof. Kroužil kun kolegoj kaj studentoj, Brno, 60 Kĉ.; Anonima societo „Centra-Esperanto-librejo 's-Gravenhage“ 51 Kĉ.; S-ro Ribas de Pina 5 liroj.

**Sciigoj pri loĝado kaj vivkostoj** en Praha aperos en la sepa komuniko!

**Kongresa kaso.** — La financa sekcio aranĝis la 6 decembro 1920 amuzvesperon de St. Nikolao kaj du teatrajn prezentadojn: la 19 nov. 1920 kaj la 26 jan. 1921, per kiuj entreprenoj pliriĉiĝis la kaso je 7000 Kĉ.

**Aliĝoj.** — 102. F-ino Bridel el Blois; 103. S-ro Cimr-Praha; 104. S-ro Prengel; 105. S-ino Derengowska; 106. S-ro Derengowski-Bydgoszcz; 107. S-ro Andersson, Malmö; 108. S-ro Badura-Karvin; 109. S-ro Ĉech, Wien; 110. S-ro Karpati, Košice; 111. S-ro Rado, Budapest; 112. D-ro Wicke, Chemnitz-Gablenz; 113. S-ro Mascaró, Palma de Mallorca; 114. S-ro Thiébault, Carignan; 115. D-ro Róbin, Warszawa; 116. F-ino Hollert, Rotterdam; 117. S-ro Straka, Strašnice; 118. S-ro Kubala; 119. S-ino Kubalová; 120. F-ino Kubalová, Slezská Ostrava; 121. S-ro Kamaryt, Bratislava; 122. S-ro Ribas de Pina; 123. S-ino Mercedes Vives O'Rell, Huesca; 124. S-ino Pokorny; 125. F-ino Kauschka; 126. F-ino Heybal, D. Gabel; 127. S-ro Alessio-Padova; 128. S-ro Sappl, Graz; 129. D-ro Theilhaber; 130. S-ino Theilhaber, München; 131. S-ro Salo Kornfeld, Jaslo.

**Adreso** por nur prikongresaj korespondaĵoj kaj oficialaj aliĝoj: **Augustin Pitlik**, Praha-III, Nerudova 40, III. p. (Aldonu respondkuponon aŭ poŝtelspezon en naciaj poŝtmarkoj!)

Por la Loka Kongresa Komitato:
*Augustin Pitlik*, ĝenerala sekretario.

## Tutruslanda Kongreso Esperantista

Laŭ informoj ricevitaj tra Estonio oni intencas aranĝi tiun Kongreson la 1 Majo en Moskvo.

## Esperanto-Tago en Malmö *(10 aprilo 1920)*

La Esperantistoj de Malmö (Svedio) aranĝas Esperanto-Tagon kun la espero, ke ĝi donos multe da propagandaj rezultoj. Sendu vian aliĝon al S-ro *Erik Andersson*, Rörsjögatan 16, kiel eble plej baldaŭ.

## Franca Esperanto-Kongreso en Orléans

Tiu kongreso ne okazos la 27—28 marto kiel unue informita, sed la 15—16 majo. Multaj grupoj revekiĝas kaj partoprenos la la kongreson.

# KRONIKO

Ni petas ĉiun propagandiston, ke li mem senpere kaj rapide informu nin pri gravaj faktoj. Oni sendu klarajn, koncizajn raportojn kun rimarko „Kroniko“ al nia Centra Oficejo, 12, Boulevard du Théâtre, Genève. Ni ne povas raporti pri tio, kion oni ne konigas al ni.

Mallongigoj uzataj: *Esp.* = Esperanto; *Esp-isto* = Esperantisto; *L. I.* = lingvo internacia; *prez.* = prezidanto; *vicprez.* = vicprezidanto; *sekr.* = sekretario; *kas.* = kasisto; *rev.* = revizoro; *bibl.* = bibliotekisto; *l.* = lernanto; *m.* = membro; *p.* = persono.

## Britio.

***Bary*:** Kurso de S-ro Digby Smith, 25 p. — ***Doncaster*:** Kurso de S-ro A. J. Scott. — ***Dublin*:** S-ro Charles H. Blackham alparolis la anojn de la „Société Française“ responde al la demando „Ĉu oni devas elekti la francan lingvon kiel internacian lingvon?“ La diskutado sin montris treege interesa. Ĉar la membroj de la Societo estas fervoraj amantoj de la franca lingvo kaj literaturo oni ne rajtis atendi respondon alian ol jesan. — ***Eyemouth*:** Kurso al 16 skoltoj de S-ro White. — ***Lampeter*:** Parolado kaj kurso de S-ro W. H. Harris. — ***Leeds*:** Sukcesa festo. — ***Lewisham*:** En parolado pri „Internacionalismo kaj rimedo por ĝin atingi“ S-ro V. Grimmitt aludis pri Esp. — ***Liverpool*:** 6 kursoj en la regiono. Paroladoj en Esp. pri ĉiuspecaj temoj. — ***Loughborough*:** Grupo fondiĝis; kurso kun 25 p — ***Plymouth*:** La grupo reorganiziĝis. — ***Pontypool*:** „La romano de nova lingvo“ estis la titolo de parolado farita de S-ro T. Freeman. — ***Portsmouth*:** Vespera festo. Oni ludis „Savita de Servistino“, propaganda komedieto. — ***Southport*:** Nova kurso, 30 p. — ***Torquay*:** Nova grupo fondiĝis.

## Bulgario.

***Karlovo*:** La unua oficiale aprobita lernanta Esp. Societo „Ni venkos“ refondiĝis. Prez. Z. Boĉev; sekr. Z. Zvetkov. Post sukcesaj paroladoj, du kursoj de Ivan Krestanof, 150 p. — ***Pirdop*:** Parolado en la gimnazio de S-ro I. Krestanof pri la sukcesoj de Esp. kaj ĝia utileco. Kurso de S-ro G. Genĉev, 33 p. — ***Sofia*:** Kurso kun 50 p. en la 1a Virina gimnazio gvidata de S-roj A. Atanasov kaj P. Kolev.

## Liberŝtato Danzig.

***Danzig*:** Multaj artikoloj pri Esp. kaj la tiea movado aperis en la german- kaj pollingva gazetaro.

## Ĉeĥoslovakio.

***B.-Leipa*:** S-ro instr. Taubmann faris propagandan paroladon kaj revivigis la grupon. Kurso. Grupestro S-ro Prof. Hampel. — ***Brandis n. Orl.*:** S-ro P-ro Cermák el Usti n. Orl. parolis tie ĉi antaŭ 90 p. Kurso komenciĝis, 35 p. — ***Braunau*:** S-ro Scholz sukcese propagandis kaj fondis grupon, kiu aliĝis al la ligo de germanaj Esp.-grupoj. — ***Brno*:** S-ro instr. Šembera, fininte kurson en decembro, malfermis novan. Kun S-ro P-ro V. Kroužil li instruas en du burĝaj lernejoj por knabinoj. — ***Budejovice*:** Knabojn de la burĝa lernejo instruas S-ro Svaĉina. Li parolis ankaŭ en la distrikta kunveno de instruistoj. La kunveno sendis al la ministerio de instruado deziron, ke estu nomita ĉe la ekzamenaj komisionoj por instruistoj de elementaj kaj burĝaj lernejoj oficiala ekzamenanto. Ĉar la samon petis ankaŭ Ĉeĥoslov. Asocio Esp., la ministerio nomis tiajn ekzamenantojn S-ron gimnaz. direkt. Eiselt, prez. de Ĉ. A. E. (por ĉeĥaj lernejoj), kaj S-ron D-ron Bischitzky (por la germanaj). — ***Cerveny Kostelec*:** Kursoj gvidataj de S-ino B. Keyzlarová (tiu por komencantoj kun 60 p., tiu por progr. kun 20 p.). Okazis la 3a laborkunsido de orientbohemaj Esp. Partoprenis sume 79 p. el diversaj lokoj de la regiono. Sukcesoj de la organizita laboro jam montriĝas. — ***Ceska Skalice*:** Kurso de F-ino B. Veselá, 20 p. — ***Chrudim*:** Privatan kurson gvidas S-ro V. Gallat; 10 p. — ***Dvur Kralóvé n. L.*:** Kurso por komenc. (ĉeĥoj) gvidata de S-ro L. Petera, 32 p.; kurso por komenc. (germ.) gvidata de F-ino A. Přihoda, 16 p. — ***Haida*:** Propaganda parolado de S-ro Taubmann kun bonega sukceso. Kurso. — ***Holešov*:**

S-ro Loveček instruas en la 2a kaj 3a klaso de duagrada knabina lernejo kaj en 5a klaso de la elementa lernejo. Li gvidas kurson en Holešov, 31 p. — *Horazdovice:* S-ro Duchon aranĝis kurson en publika lernejo, en kiu instruas S-ro Novák 17 p. — *Horice:* Kurso por komenc., gvidata de S-ro B. Munzar, 20 p. — *Hradec Králóvé:* 19 jan. okazis la unua ĝenerala kunveno de la loka klubo; oni elektis novan okmembran komitaton; prez. MUDr. A. Fiša, kiu fariĝis sam-ano dum sia militkaptiteco en Siberio; ĝisnuna prez. O. Sklenčka, fariĝis sekr. Nombro de la m.: 66. Post la kunveno kluba okazis laŭstatuta kunveno de lokaj UEA-anoj; nombro de UEA-anoj: 16, jam pagintaj por 1921. 2 kursoj por komencantoj kaj 1 por progresintoj finitaj kun sume 47 p. — *Jablonné n. Orlici:* Kurso por komenc., gvidata de P-ro Jar. Pauk ml., 8 p. — *Jägerndorf:* Post parolado de S-ro Horn kurso komenciĝis en la burĝa lernejo kun 20 p. Grupo fondiĝis. Estro Inĝ. Max Aŭrich Vp. sup. poŝta adm Sengel, S. R. Gebauer, K. F-ino Dittrich. — *Karvin:* S-ro Badura gvidas kurson. — *Kladno:* Supera kurso. Kantista grupo „Kladno'a Najtingalo" ekzercas Esp. trad. bohemajn kantojn okaze de la XIIIa Kongreso. Esp. en nia urbo plue progresas. Osvětový Svaz (distrikta kultura Asocio) konsideras la gravecon de Esp., aranĝas publikan kurson en industia lernejo en Kladno. Je la 4 febr. vespere ĉe malfermo de la kurso, okazis granda parolado multnombre vizitita, kie S-ro Prof. Pitlik, ĝen. sekr. de la XIIIa, parolis pri apliko kaj praktika uzado de Esp. kaj pri UEA. Kursgvidanto S-ro A. Koĉi. — *Košice:* Kurso, 28 p., gvidas S-ro J. Friedrich. — *Kostelec n. Orl.:* Okazis ĉi tie 3a regiona kunveno de Esp-istoj, kiun partoprenis 70 p. el 16 lokoj. Laŭ raportoj de la delegitoj estis en orientaj distriktoj de Bohemio dum 1920 aranĝitaj en 13 lokoj sume 22 kursoj kun 568 p. Oni interkonsentis: Sisteme propagandi per nacia gazetaro, fondi migrantan ekspozicion, rekomendi al eksterlandaj korespondantoj viziton de bela Praha dum XIIIa Kongreso. — *Leitmeritz:* La ĉefkunveno de la grupo okazis en Hotel Hradahof. El la raporto de S-ro Prof. Thöner ni aŭdis pri vigla kursa kaj propaganda agado. Grandajn meritojn por la grupo akiris S-ro Prof. D-ro Hiekel. Nova balotado: Prez. Prof. D-ro Rudolf Hiekel, sekr. Prof. Thöner, kas. Franz Beran. „La Marto" estis elektita kiel oficiala grupa organo. S-ro V. P. Weinert disponigos dum 14 tagoj elmontrejon por Esp. ekspozicio. — *M.-Schönberg:* S-ro Gabriel paroladis antaŭ 60 p. pri „Esenco kaj celo de Esp.". Li malfermis kursojn por komencantoj kaj progresintoj. — *Misslitz:* S-ro instr Kilian faris propag. paroladon. La estro de la distrikta instr. asocio petis lin, ripeti ĝin dum la sekvonta ĉefkunveno de la asocio. — *Nový-Bydzov:* Kurso por komencantoj gvidata de S-ro J. Nosek, 20 p. — *Pardubice:* Kurso por komencantoj gvidata de S-ro Ing. L. Berger, 28 p., alia por la progresintoj gvidata de S-ino Petrová, 10 p. — *Praha:* Pro la okazonta Kongreso la kunvenoj de Esp. Klubo estas vizitataj de ĉiam kreskanta nombro de sam-anoj. En ĉiu kunveno S-ro Pitlik raportas pri la progresoj faritaj en preparoj por la XIIIa. La m. vigle helpas la financan sekciestron, S-ron Hromada: la dua teatra vespero donis al la kongresa kaso pluajn 2500 Kč. Novajn kursojn komencis S-ro Hromada: elementan (80 p.) kaj konversacian (45 p.), dufoje en semajno. Sekvante la instigojn en la artikolo „Eĥernu!", „Esperanto", febr. 1920, la rondeto de klubanoj kunvenas krom oficialaj kunvenoj ĉiuvendrede por kompari kaj priparoli siajn tradukojn de bohemaj tekstoj, gvidas S-ro Hromada. La Loka Kongresa Komitato kunvenas ĉiumarde. Elementa kurso okaze de la Kongreso aranĝas Osvětový (Kultura Korporacio). — *Prelouc:* Kurso por komencantoj gvidata de D-ro J. Fousek, 24 p., alia de S-ro J. Pour, 16 p. — *Prostejov:* Kurso en la IIIa klaso de burĝa knabina lernejo. Instruas F-ino K. Stichová 40 p. — *Reichenberg:* La grupo aranĝis amuzan vesperon kun bona mona sukceso. S-ro Appelt kaj F-ino Hagenstein estis la aranĝantoj. — *Skřivany:* Privata kurso de S-ro B. Pultr kun 4 p. — *Starkoč:* Kurso por komencantoj, gvidata de S-ro Jar. Prokop, 10 p. — *Usti n. Orlici:* La 6 febr. okazis la IVa laborkunsido de orientbohemaj propagandistoj. Partoprenis sume 44 sam-anoj: Usti n. O. 12, Hradec Kralóvé 6, Pardubice 5, Jabloné 4, Moravany 3, Brandys n. O. 2, Cerveny Kostelec 2, Prelouc 2, Kerhartice 2, Parnik 1, Starkoc 1, Chrudim 1, N. Město 1, Mezilesi 1, Josefov 1. Por kelkaj tagoj estis aranĝita publika propaganda ekspozicio, kiu superis nian esperon per sia amplekso! Tiamaniere nia regiona migranta ekspozicio fariĝos unu el la plej efikaj propagandiloj! Venonta kunveno okazos la 3 aprilo en Prelouc. Kurso por komencantoj gvidata de Prof. Aug. Cermák, 16 p. — *Val. Meziriči:* Kurso de S-ro Loveček, 26 p.

## Finnlando.

*Helsinki:* La m. de UEA kunvenis en la kunvenejo de „La Polusstelo" por diskuti pri rimedoj por plivigligo de la regiona agado por UEA. Ĉeestis ĉ. 20 m. Prezidis S-ro V. Setälä, komitatano de UEA, kiel sekr. funkciis la Del., S-ro Leo Jalava. Estis proponita helpantoj al la Del. por varbado de novaj m. precipe en junulaj, studentaj kaj laboristaj rondoj. Pro la eksiĝo de la ĝisnuna VDel. estis elektita nova: Prokuristo Arvo Joh. Ahti. La reklamafiŝoj kun informoj pri la adresoj de la C. O. de UEA, la E. O. en Helsinki kaj la plej proksime loĝanta Del. de UEA estas en januaro senditaj al pli ol 1500 stacidomoj kaj poŝtoficejoj en Finnlando. — *Humppila:* Parolado de S-ro E. Syrjänen, 80 p. — *Kymi:* 2 kursoj por komencantoj kaj progresintoj. — *Lahti:* La firmo „Käsityöliike Vanamo" komencis korespondadi per Esp. kun siaj eksterlandaj korespondantoj. — *Mikkeli:* Kurso ĉe la komiza societo de S-ro A. Lippa, 18 p. — *Murto:* Kurso de S-ro E. Syrjänen, 16 p. — *Peräseinäjoki:* Kurso kun 30 p. — *Sortavala:* La lastaj kursoj sumis 68 p. — Aperis en Finnlando artikoloj pri Esp. en 23 nacilingvaj gazetoj.

## Francio.

*Avignon:* S-ro Cherblanc, Del. de UEA, sekr. de la Komerca Ĉambro de Tarare faris paroladon en salono de la Komerca Ĉambro sub prezido de S-ro Pons, direktoro de la Banko de Francio, kaj de S-ro Henry Fabre, sekr. de la Komerca Ĉambro; tiu lasta estis organizinta la paroladon kaj instigos la malfermon de kurso. — *Chalons s. Marne:* Grupo fondiĝis, 25 m. Kurso de S-ro Duteil, inspektoro de la Poŝtoj kaj Telegrafoj, 18 p. — *Lyon:* Ĉiulunde, ĉe la sidejo de Laborista Grupo, 6, rue Paul-Bert, je la 20-a, kurso unuagrada gvidata de K-do Cunazza, 22 p. Ĉiumarde, ĉe la sidejo de grupo „Klareco", Hotel Municipal, 6, rue de la Tunisie, je la 20-a, nur por la Klarecanoj, gvidata de K-doj Gouchon kaj Durand, 14 p. Ĉiumerkrede, ĉe la Laborborso, 39, cours Morand, gvidata de K-do Bourgeois, 17 p. Okazis kunveno de la Esp-ianoj sub prezido de S-ro D-ro Madinier; post aprobo de la raportoj de S-ro Poncet, Del., oni kreis Lyon'an Sekcion de UEA kaj alprenis Lokan Regularon; sekvis interesa diskuto pri la anstataŭo de la internaciaj respondkuponoj. En kvartalo Perrache, dank' al klopodoj de S-ro Bertrand, okazis antaŭ 200 p. propaganda parolado de S-ro Cherblanc, Del. en Tarare; sekvis diversaj distraĵoj kaj teatra prezentado; S-ro Bertrand komencos kurson. — *Nice:* S-ro Cherblanc, sekr. de la Komerca Ĉambro de Tarare, faris propagandan paroladon organizitan de S-ro Esselin, prefekteja konsilanto, prez. de la Esp. Grupo. La ĉefa temo de S-ro Cherblanc estis la „letero de Zamenhof al Borovko", kiun li tre lerte komentariis. Nova kurso baldaŭ komenciĝos en la Urbdomo. Post la parolado artistoj ludis versan komedieton „la Vespermanĝo de Peĉjo". — *Paris:* La Parizaj verdruĝuloj honoris la memoron de D-ro Zamenhof per granda propaganda festo. Pli ol 400 p. troviĝis en la ĉambrego de la Laborborso, kie parolis por Esp. talenta verkistino, Fanny Clar. La programo estis franca kaj Esp. Ĉi tiun parton eĉ neesp-istoj aplaŭdis. Okaze de tiu festo „La Bataille" (ĉiutagaĵ) enhavis artikolon pri kaj portreton de D-ro Zamenhof. Tiu festo metis en la kason de la verdruĝuloj 223 fr, jen pruvo de bona sukceso La Pariza Komerca Ĉambro, post longa kaj grava esploro, akceptis oficiale Esp.; ĝi permesas kaj konsilas instruon de Esp. en ĉiuj komercaj lernejoj, konsilas al ĉiuj komercaj ĉambroj, provincaj kaj fremdaj, ke ili agu same; subvencias Esp. kaj donacas ekspoziciejon en la Pariza foiro por el-

montro de Esp. libroj. Ĝi donis subvencion de 500 fr. al la S. F. p. E. Okazis en „La Komerca kaj Industria Rondo de Francio" (grava komerca klubo) sub la prezido de Prof. Berthelot, m. de la Akademio de Sciencoj, parolado de Prof. Charles Richet, nobelpremiulo, pri „L. I., la nuneco kaj la estonteco", farita por la m. de la klubo. Ĝi estis anoncita en kelkaj Parizaj gazetoj. La Esp-ista grupo en la Parlamento reorganiziĝis. Ĝiaj m. estas deputitoj de ĉiuj partioj favoraj al Esp. Ĝia sekr. estas nia sam-ano, deputito Jean Couteau, urbestro de St-Amand, kies frato estas ankaŭ fervora sam-ano. Nia nova sam-anino, S-ino Béchard-Leschaud, kantistino, havis grandan sukceson en Lyon. Ŝi kantos en Paris dum marto. Partoprenos F-ino A. Veluard, pianistino, kaj Vincent d'Indy, konata majstro. — *St-Nicolas-les-Citeaux* (Côte-d'Or): Kurso por 20 p., gvidanto S-ro Ratouillat, instruisto. — *Versailles*: S-ro Chilard, nia Del., organizos Paske, Pentekoste kaj en aŭgusto gvidadon tra la palaco kaj aliaj vidindaĵoj de Versailles por Esp-istoj. — *Villeurbanne* (Rhône): Ĉiuĵaŭde, je la 20-a, Cercle de l'Union des syndicats, 52, rue du 4 août, kurso gvidata de K-do Marcel Roux.

## Germanio.

*Düsseldorf*: Kurso al geknaboj 9—14 j. de S-ro Schneider; de S-ro Luis en „Kaufmannsheim" 70 p. Kurso de S-ro N. Barthelmess al 20 poŝtistoj; de S-ro Amon en „Verda Stelo", 20 p. — *Freiburg i. Br.*: Nia Del. Franz Döring faris du propagandajn paroladojn; unu antaŭ ĉirkaŭ tridek geblinduloj, alian, komence de febr., antaŭ proksimume 80 m. de la komerc-oficista unuiĝo „Deutsch-Nationaler Handlungsgehilfen-Verband". Ambaŭloke la sukceso estis bona, du apartaj instruaj kursoj plej baldaŭ sekvos. — *Hamburg*: Parolado de D-ro Mybs pri la elparolado de Esp. Sekvis vigla diskuto. — *Helmstedt*: Komencis du kursoj en popollernejo. 36 knaboj, instr. S-ro Pape; 43 knabinoj, instr. F-ino Amelung. — *Hildesheim*: La grupo restariĝis. S-ro Elten estras kelkajn kursojn al plenaĝuloj kaj infanoj laboristaj. — *München*: Postkongreso okazos post la XIII^a^. Paroladoj de S-roj Tressel, Theilhaber, Koch, Jakob. Naŭ kursoj. — *Schweinfurt*: 2 kursoj sume 55 p. La gazetaro favore raportas. — *Sebnitz* (Sachsen): La Del. fervore dokumentigas la industriistojn pri la graveco de nia movado. Li gvidas 3 kursojn. — *Uelzen*: La Popola Universitato havas Esp. inter la serio de paroladoj. Gvidas: Sro Max Walter, 36 p. — S-ro Hugo Gerisch en Auerbach skribas al ni: „Sekve de petoj senditaj kiel direktoro de la presa fako de G. E. A. 125 germanaj gazetoj promesis al mi represi miajn priesp. artikolojn. La „Auerbacher Zeitung" presis depost 1912 ĉiusemajne Esperantan angulon. La „Leipziger Neueste Nachrichten" kun 140,000 abonintoj represis miajn publikigojn. „Werdauer Tageblatt" agas same". Jen bonega propagando, kiu esperebIe helpos al la starigo de similaj presaj fakoj ĉe aliaj naciaj Esp. societoj.

## Georgio.

*Tiflis*: Parolado al armenaj skoltoj de S. Mkrtiĉjan. Traduko de niaj artikoloj pri la Societo de Nacioj aperis en „Aŝhatavor" (Laboristo).

## Hispanio.

*Barcelona*: Novaj kursoj komencis. La movado estas tre vigla. — *Girona*: Paroladoj de S-roj Grau kaj Gili. La venonta Kataluna Kongreso okazos en tiu urbo. — *Manresa*: Parolado kaj kurso de S-ro Albagés. Grupo fondiĝis. — *Palma de Mallorca*: La grupo elektis novan komitaton. Prez. S-ro Gabriel Alomar; sekr. S-ro Juan Barcelo. — *Terrassa*: Pere de lokaj Esp-istoj oni loĝigis 60 infanojn el Aŭstrio. 3 kursoj de S-roj Soldevila kaj Chaler. Parolado de S-ro Solá pri Esp. kaj Homamo. La gazetoj raportas pri Esp. kaj internaciaj foiroj.

## Hungario.

*Kispest*: Nova kurso de S-ro Zsámboky. Sukcesa festo. — *Budapest*: La Esp. Societo Laborista Hungara organizis festeton. Ĥoro kantis „La tagiĝo" de Grabowsky. La societa vivo vigliĝis pro aranĝo de postkongreso. 30—40 p. preskaŭ ĉiam kunvenas kaj okazas laŭtlegadoj, deklamadoj, diskutoj, ofte tre viglaj. La teatrajn aferojn gvidas energie S-ro Baghy, kiu komencis ankaŭ novan kurson en la Socia Muzeo. La landa societo dissendis al la mezlernejoj alvokon por ebligi Esp-instruadon laŭ la ministra permeso.

## Italio.

*Firenze*: La Esp. Asocio „Nova Sento", kies prez. estas S-ro Prof. Corrado Grazzini, VD de UEA, organizas kursojn en urbaj lernejoj. La lokaj gravaj gazetoj „Unità Cattolica", „Nazione" kaj „Nuovo Giornale" parolas pri Esp. — *Milano*: Jen la nomo de la nove elektita konsilantaro de la „Esperanta Domo": D-ro Angelo Filippetti, prez.; P-ro Emilio Duchini, vicprez.; Luciano Cattorini, kas.; Pirro Camelli, sekr.; Adv. C. Crosio, D-ro P. C. Monti, Giov. Mainardi, konsil. Krom la ses kursoj en Laboristaj Rondoj (kiujn organizis tre lerte la Federacio Lombarda de Laboristaj Rondoj) oni malfermis la sekvantajn kursojn: Ĉe „Esperanta Domo" (Milana Esperantista Grupo), 29, Via Spiga, du unuagradajn gvidatajn de F-inoj Combi kaj Comolli; unu duagradan gvidatan de S-ro Cattorini kaj unu triagradan gvidatan de D-ro P. C. Monti por geinstruistoj; ĉe Milana Asocio Oficistinoj unuagradan gvidatan de S-ro Nobile; ĉe la grava „Circolo Filologico" unuagradan gvidatan de Prof. G. Lupi; ĉe la Katolika Rondo „Pro Cultura" Prof. kom. A. Alessio tre elokvente paroladis la 12 decembro pri nia homara idealo. Ĉeestis ankaŭ lia urbestra moŝto D-ro Filippetti. La „Esperanta Domo" per solena kunsido decidis aliĝi al F. E. I. laŭ nova regularo (200 anoj). Jam Esp. estis enkondukata en la Komunumaj popolaj lernejoj kiel nedeviga. Ĉe la Laborista Rondo Monviso D-ro Filippetti, prez. de „Esperanta Domo" kaj nova Urbestro de Milano, faris tre efikan paroladon por diskonigi Esp. tuj poste la ĉeestantaj laboristoj decidis unuanime organizi kurson de Esp., kiun gvidos S-ro I. Piatti. — *Reggio Emilia*: 2 kursoj. — *Roma*: Post parolado de D-ro Stromboli, kurso ĉe la Popola Universitato gvidata de D-ro Migliorini. — *Trento*: Parolado de S-ro adv. Attilio Vaona, Del. en Verona, pri „Esperanto kaj ĝia Fido". Du kursoj: publika 25 p., por instruistoj 20 p.

## Nederlando.

*Deventer*: Du novaj kursoj de la Laborista Esp. Societo; gvidas S-roj J. Goosens kaj A. J. Gerards. 42 p.

## Rusio.

Dank' al la afableco de nia Del. S-ro E. Tamm, poŝtoficiso en Tallinn (Estonio), kiu komunikis al ni leteron de S-ro Konovalov el Niĵnij Novgorod, ni povas doni kronikaĵon pri Rusio: „Preskaŭ en ĉiu urbo, eĉ en multaj vilaĝoj ekzistas societoj, grupoj, rondetoj Esp. Krom „Espero" en Peterburg aperas „Esperanta Movado" en Kronŝtadt, kiu estas pli enhavoriĉa. Nia societo en Niĵnij-Novgorod sukcesas. En okt. pasinta okazis konferenco de rusaj Esp-istoj. Prezidis nia konata poeto Devjatnin. Oni pridiskutis diversajn demandojn rilatantajn al la rusa movado. Esp. estas instruata en multaj rusaj lernejoj, iafoje eĉ kiel deviga instruo. Bedaŭrinde mankegas eksterlandaj Esp. gaz. kaj lernolibroj."

## Svedio.

*Brunnswik*: Kurso de S-ro John Johansson ĉe la altpopollernejo. — *Ludvika*: Kurso de S-ro B. Eriksson. — *Malmö*: Oni vigle preparas Esp.-Tagon okaze de la 15-jara ekzisto de la grupo. Ĝi okazos la 10 aprilo. Oni petu informojn de la prez.: S-ro Erik Andersson, Rörsjögatan 16. — *Stockholm*: La nombro de la anoj de la Esp. klubo duobliĝis dum la lasta jaragado. La sveda registaro sendis per sia departemento por eksterlandaj aferoj al la Ligo de la Nacioj peton de la sveda mondlingva komitato, ke la Ligo iniciatus sen-antaŭjuĝan internacian konsideradon kaj diskutadon por akcepto per internacia interkonsento de mondlingvo, kiun oni instruus en ĉiuj lernejoj de la tuta mondo. Samtempe la peto de la komitato enhavis proponon pri starigo de internacia mondlingva akademio por observado al la unueco kaj evolucio de la akceptota lingvo. La

raporto de la komitato, skribita en franca lingvo, estas la rezulto de samlaboro inter diversaj mondlingvopinioj. Krom neŭtralaj amikoj de la mondlingvideo la komitato ankaŭ enhavas reprezentantojn por Esp., Ido, angla kaj aliaj lingvoj. La komitato tamen ne rekomendas ian specialan lingvon inter la nun ekzistantaj artefaritaj lingvoj; oni nur fiksis la bezonon de mondlingvo. — **Tomteboda**: La direktoro de la ŝtata blindinstituto petis, ke oni havigu instruanton en nia lingvo por la infanoj ĉe tiu instituto.

## Ameriko.

**St. Petersburg** (Florida): La movado progresas sub gvidado de S-ino Owen-Flint. — **Topeka** (Kansas): La grupo (40 p.) enhavas 20 knaboskoltojn. Kurso de S-ro J. Fazel al 20 skoltoj.

## Afriko.

**Funchal** (Madeira): Kurso de S-ro Humberto de Freitas ĉe la Sindikalista Asocio 15 p.

## Azio.

**Vladivostok** (Siberio): La Societo „Espero" elektis novan gvidantaron: Prez.: Notario R. Vonago, S-ro Enkur; Sekr.: S-ro Balog; kas.: S-ro Gurskij; bibl.: S-ro Vitoŝinski kai S-ro Vladiĉanskij. La Societo (Svetlanskaya 19) estis fondita en 1897 kaj posedas altvaloran bibliotekon havantan pli ol 2000 diversajn verkojn. Kunveno de gvidanta komitato okazas ĉiun unuan dimanĉon de ĉiu monato. Konstantaj, publikaj, tre sukcesplenaj kursoj estas gvidataj per S-ro Averkieff en la rusa klubejo de Y. M. C. A. La Societo ludis gravan rolon dum la tuta mondmilita tempo kiel ĉiurilata centra helpilo por la diversnaciaj Esp-istaj militkaptitoj en Siberio kaj en iliaj notindaj sukcesoj en la tendaroj kaj urboj. Esp. poeto Bághi, Esp. kompozitoro Ŝaroŝi eminentaj propagandistoj S-roj Taubman, Engelman, Szij kaj multege da iliaj kamaradoj; germanoj, hebreoj, hungaroj, ĉehoj, italoj, diversaj slavoj, rumanoj estos ĉe ni neniam forgesitaj. Multe da eksterlandaj sam-anoj vizitis nian rondon, el Japanio S-roj militŝipoficiro Oba, registaroficisto Fuĵisaŭa, Inĝ. Takahaŝi, Prof. Nakanome; el San Francisco S-ro Zelinsky, el Kanado S-ro Boys, el Rusio multege da Esp. eminentuloj.

## Aŭstralio.

Je la unua fojo Aŭstralazia Esp.-Asocio estos reprezentata ĉe Universala Esp.-Kongreso en Praha por la XIIIa. S-ro J. G. Pyke, unua prezidinto de A. E. A. kaj S-ro Roy Rawson (unua sekretario) vojaĝos private al Eŭropo kaj konsentis uzi la okazon oficiale reprezenti Aŭstralazion ĉe la Kongreso. S-ro Pyke, 10, Lennox str., Hawthorn, Melbourne, Aŭstralio, estas adreso konata al multegaj gekorespondantoj tra la mondo. Al ĉiuj amikoj li estas „Ezoko" jam konata aŭtoro de „La Amigilo", unuakta komedio presita en „La Revuo", kaj prezentita antaŭ aŭdantaroj en almenaŭ ses landoj. Li ankaŭ verkis tri aliajn komediojn jam ne presitaj sed ofte prezentitaj al Aŭstraliaj aŭdantaroj: „Dum Bela Tago", III-akta komedio, „La Akvoj de l' Forgeso", III-akta komedio, kaj „Balboni, Mansfield kaj Vojaĉek, Bankistoj", III-akta komedio. S-ro Roy Rawson fariĝis entuziasma Esp-isto antaŭ ses jaroj kaj estas unu el niaj tre agemaj propagandistoj. Ĉiuj, kiuj konas ilin (kaj precipe ĉeestintoj de Tria Aŭstralazia-Esp.-Kongreso) povas certigi, ke la du sinjoroj multe ĝojigos niajn karajn ĉeĥoslovakiajn gesamideanojn. Ambaŭ sinjoroj estas fraŭloj, kaj cetere oni povas certigi, ke ili estas tipoj el Aŭstraliaj intelektuloj.

---

## Konkursfesto en Anglio

La Kvina Konkursfesto de la Federacio de Lancashire kaj Cheshire okazos la 30 aprilo en Eccles. 20 konkursoj, el kiuj 11 por junaj anglaj Esperantistoj estas organizitaj. La aliaj temas pri desegno de afiŝo, tradukoj kaj stenografio. Nur 4 konkursoj kun premioj de fr. sv. 7.50 povas esti farataj de Esperantistoj loĝantaj ekster Britio: 1. Originala Poemo. 2. Originala teatraĵo. 3. Tezo: Ligo de Nacioj. 4. Originala Rakonto. Adreso de la sekretario: S-ro *R. Prys Griffiths*, 57, Ramilies Rd., Sefton Park, Liverpool.

---

# TRA LA GAZETARO

.·. *„Esperanto Triumfonta"* raportas laŭ letero de S-ro P. Medem pri la rezolucio de la Sovjeta Registaro pri Esperanto. La Esperantistoj kaj idistoj disputis pri la vereco de la rezolucio. Pro la manko de poŝtservo oni ne povis esplori la pravecon de la okazintaĵoj. Fakte estis Esperanto, kiu estis elektita de la Komisiono kaj ne Ido. Bedaŭrinde tiu sukceso, verŝajne pro materialaj neeblaĵoj aŭ politikaj kaŭzoj ne estis vaste utiligita. Jen la dokumento:

*Tezoj*

akceptitaj en formo de rezolucioj dum la pridiskutado de l' raporto de N. P. Evstifejef, en la Komisiono por esploro de la demando pri enkonduko de fakultativa instruo de la lingvo internacia en lernejoj, en la kunsidoj de la 12, 14 kaj 25 februaro 1919 (en la Lerneja Sekcio de Narkompros).

*Sekvas 10 paragrafoj kies represado okupus tro da loko. Ili finas jene:*

En la kunsido la 5 marto 1919 la Komisiono resumante siajn antaŭajn decidojn konkludas:

1e Ke *la sola lingvo* povanta ludi la rolon de la lingvo internacia, estas „Esperanto" pro kio la Komisiono *elektas la lingvon „Esperanto"* kaj

2e Ke pro tio la Komisiono trovas necese *senpere* trairi al la demando pri rimedoj por la *praktika* efektivigo de la supre citita decido.

.·. *„Esperanta Finnlando"* dediĉas sian januaran numeron al la Esperantista Akademio. Biografiaj notoj kun portretoj konatigas la Akademianojn al la legantoj. Sekvas cirkuleroj kaj gratulinda artikolo de S-ro G. Ĉernohvostov.

.·. *„La Laborista Esperantisto"*, Hannover (januaro). Tiu N-ro enhavas legindan literaturaĵon tre moralan: La Renkontiĝo, tradukita de W. Beyer.

.·. *„Esperanto Triumfonta"*, Horrem, enhavas interesan artikolon „Kio anstataŭos la karbon" kaj tre amuzan parodion de „La Vojo".

.·. *„Esperantista Laboristo"* (januaro) enhavas ŝercan revueton luditan ĉe „La Verda Kato", esperanta montmartra kabareto (februaro). Tre spritaj rimarkoj pri la Deklaracio de la Akademio.

.·. *„Hispana Esperantisto"* (januaro), kun 4 ilustraĵoj, markas novan progreson. Ĝi enhavas 3 paĝojn de interesaj sciencaj notoj krom artikoloj pri Raimundo Lulio, hispana filozofo, kaj la monaĥejo „San Juan de la Peña".

.·. *„Oficiala Gazeto Esperantista"* (januaro) enhavas la raporton pri la Haga Kongreso.

.·. *„Amerika Esperantisto"* komencas la publikigon de diplomatia vortaro.

.·. *„Kataluna Esperantisto"* reaperas. Bela traduko el Santiago Rusiñol: La Barcelona brokantejo.

.·. *„Vegetarano"* publikigis la 2an N-ron de sia nova kolekto. Ĝi enhavas interesajn artikolojn eĉ por viandmanĝantoj kaj vintrinkantoj. Adreso: O. Bünemann, Alsterkrugchaussee 586, Hamburg-Fuhlsbüttel.

Novaj Gazetoj:

.·. *„La Semisto"*, bulteno de la Societo „Aplech", Sabadell.

.·. *„Senhalte"*, N-ro 4. Estas la unua N-ro, kiu atingis nin. Hektografita propagandilo, kiu sin dediĉas speciale al Slovakio.

.·. *„La Libereco"*. Gazeto en ĥina lingvo kun du paĝoj en Esperanto. Sin dediĉas al anarĥismo. Adreso: Y. 1760 North, Szechuen Rd. Shanghai. La redakcio petas artikolojn kaj diras „helpu al nia propagando, montru, ke nia Esperanto ne estas la lingvo nur de filatelistoj kaj mallaboremuloj, sed ke ĝi estas ankaŭ internaciista lingvo".

.·. Aliaj gazetoj ricevitaj: *„Esperantista Ligilo"* (por b'induloj); *„Le Travailleur Esperantiste"*; *„La Revuo Orienta"* (decembro); *„Germana Esperantisto"* (januaro); *„Hungara Esperantisto"* (januaro); *„Nederland-Esperanto"* (6—27 januaro); *„Esperanto-Praktiko"* (februaro); *„British Esperantist"* (februaro); *„Esperanto Triumfonta"*; *„Nova Tempo"* (januaro); *„La Unuigita Tuthomaro"*; *„Espero Katolika"* (februaro).

.·. Ni ricevis jenajn gazetojn, en kiuj aperis artikoloj pri Esperanto aŭ UEA: *„Leitmeritzer Zeitung"*; *„Volkszeitung"* (Bromberg); *„Evening Capital"* (Annapolis); *„Négoce"* (Paris); *„Aŝhatavor"* (Tiflis); *„Der Bund"* (Bern); *„Nowe Tory"* (Bydgoszcz); *„L'Ecole Emancipée"* (Marseille); *„Deutsche Rundschau"* (Bromberg); *„Arbetet"* (Malmö); *„Auerbacher Zeitung"*; *„The Rural Mail"* (Des Moines).

.·. *„The Australasian Manufacturer"* (16, Bond Street, Sydney) ampleksa komerca revuo publikigas regule artikolojn pri Esperanto en la praktika vivo.

.·. *„Hrvatska Sloga"* (Sarajevo), la ĉefa gazeto de Bosnio, publikigas regule Esperantan rubrikon de N. Lisak (Travnik).

## TRA LA LIBRARO

**Esperanto aŭ Ido.**

En la libro-eldonejo de la Asocio de Germanaj Inĝenieroj en Berlin aperis ampleksa broŝuro pri „lingvo kaj skribo" (Sprache und Schrift) de D-ro W. Porstmann (li skribas sian nomon malgrandlitere). Sur paĝo 38—42 li traktas la temon „Esperanto aŭ Ido", fine donante la preferon al Esperanto. Por bone konvinki, li publikigas la konatan tabelon de la demandaj pronomoj k. t. p., ilin samtempe komparante kun la respektivaj Ido-vortoj. Tamen ŝajnas, ke S-ro Porstmann nek deziras fariĝi Esperantisto nek helpi disvastigi nian lingvon, sed lia objektive lingvokritika juĝo unue al ni sufiĉu, denove montrante, ke ni marŝas sur la ĝusta vojo.

**Pro kio?** *Internacia kriminal-romano originale verkita* de *Argus.* Nova Esperanto-Biblioteko, N-ro 5. Esperanto-Verlag Friedrich Ellersiek, Berlin S. 59. 158 paĝoj, 11×15 cm. Prezo: 6 Markoj + 80%.

Nova originala romano en Esperanto, tio ne estas bagatelo, precipe se ĝi estas el nova speco. En ĉiuj lingvoj floris la kriminalaŭ polic-romanoj post la sukceso de la famaj verkoj de l'angla verkisto Conan Doyle. Unua eĥaĵo en nia literaturo estis la tiel amuza satiro: „Sherlok Holmes en servo de la Hispana trono". „Pro kio" estas ne humoraĵo sed bone elverkita libro. Ĝi aperis unue kiel felietono en la Internacia Bulteno aperinta en Germanio dum la milito. Ĝi nur prezentiĝas en bela eldono, sub tolsimila kovrilo, klare kaj senerare presita.

Vera policromano, kaj ankaŭ vera romano, ĝi estas; temas ne nur pri terura krimo kaj lerta trovado de l'krimulo tra diversaj aventuroj kaj landoj, sed ankaŭ pri amnaskiĝo kaj ĝia evoluo al natura fino, edziĝo inter la ĉefpersonoj. Ne bone estas velki la scivolemon de l'legontoj per resumo de l'historio multflanke interesa; sed certe ĝi havigos al ili kelkajn horojn da plezuro kaj distraĵo. „Pro kio" posedas la esencan kvaliton, kiu apartigas la aliogan romanon, t. e ke eklegante ĝin, oni devige ankaŭ ĝisfine daŭrigas la legadon, tiom la deziro pluscii estas forte elvekita.

Ne nur verkistan talenton posedas la aŭtoro; li plie mirinde uzas nian lingvan riĉecon; ĉe li Esperanto estas fleksebla, preciza, esprimpova por ĉiuj nuancoj de l'penso, por ĉiuj disvolviĝoj de l'cirkonstancoj; rimarkotaj estos la lerta, ofta, sed kelkfoje tro ofta, uzado de l'kunmetitaj tempoj de l'verbo aŭ de iliaj derivaĵoj, ekz: „vidatigi, savatebla, prijuĝatebla", k. t. p.; la multaj bonaj kunmetitaĵoj, ekz: „alkalkanumaj ŝuoj, multe suririta vojo, ĝisatendi ion, venontnokta dejoro, trinkmonŝparema sinjorino, juralsidantoj, malvarmsange pripensanta viro", k. t. p. Je, frazoj, cetere korektaj, ne estas tuj komprenataj pro tio, ke longaj komplementoj tro forigas la adjektivon aŭ la relativan pronomon el la rilata substantivo; la formoj: „oniu", „kelk-iu", neniel lingvopekoj, tamen eble ne nepre necesaj estas; uzo de kelkaj prepozicioj surprizas, ekz: „akompani sur vojaĝo, kontraŭe al, escepte de"; tiel ankaŭ pri konjunkcioparoj: „tiel... por, despli ... ĉar, eble ke". La aŭtoro feliĉe ne ĵugis sia devo la enkondukon de multaj novaj radikoj; akceptinda ŝajnas „murdo", kiu permesas kunmetojn kiel murdisto, rabmurdo, k. t. p.; „kabareto" (koncertkafejo) ŝajnas malpli konsilinda; tute ne bone estas traduki per „bona partio" francan esprimon signifantan: profita edziĝo; se oni deziras citi ĝin, oni tion faru francligve kun note traduko laŭsenca; fine ankaŭ „ovacio" jam havas sencon en Esperanto kaj estas eraro doni al tiu vorto la signifon de komplimento aŭ de speciala sintenado de fraŭlo kontraŭ amotebla virino.

Kial internacia estas dirata la romano? ĉu sole pro la lingvo, kiu ebligas, ke ĝi akiru internacian meritatan legantaron? ĉu pro la diversnacieco de l'personoj? ĉu ĉar la agado kondukas tra kelkaj landoj, aŭ pro kio? Certe la naciecon de l'verkinto oni ne bezonas diveni, ĉar la superoj kaj kapabloj de Germano aŭ Germanino estas tro malkaŝe dirataj, ankaŭ, uzante metodon policistan konvenan ĉe tia verko, ĉar estas skribate, ke edzecringojn oni portas ĉe la dekstra mano, kio, se mi ne eraras, ĉefe okazas en Germanio. — *G. S.*

**Al la forbuĉataj popoloj** de *Romain Rolland,* esperantigis *Georg Mahn.* 16 paĝoj, 11×15 cm. Prezo: 1 fr.

Forta, impresa alvoko al la militantaj popoloj, por ke ili ĉesigu sian kruelan intermortigadon, ke ili ribelu kont aŭ la kaŝataj monaj potencoj, kiuj pro profitemo puŝas ilin unu kontraŭ alia.

Sufiĉe multaj preseraroj difektas la broŝuron. Se novaj vortoj kiel: „murdo, masakro, kliko, ragno, orgasmo, provoko" estas proveblaj, kiel ankaŭ prefikso „mis", verboj kiel: „laŭi, kulpi, necesi, gravi, rivali", estas pli d sk teblaj; sed „signita" (anst. subskribita) „stupidego" (anst. stulteco) estas eraroj, kiuj ŝajne devenas de troa imitado de l'franca orriginalo, kion pruvas evidente esprimo kiel „strabaj komerco-domoj" (suspektindaj firmoj) nekomprenebla por nefranco. — *G. S.*

**Die Welthilfsprache Esperanto** *in zwei Wochen.* Konversations-Grammatik von *A. Pankratz.* Ricevebla por 5 germ. Markoj ĉe „Nowe Tory" (La novaj vojoj) Bydgoszcz-Bromberg, Ossolniskich 12, Polio. 40 paĝoj, 13×20 cm.

Jen nova gramatiko por Germanoj; tiuj estos baldaŭ tre embarasataj por elekti el riĉa kolekto da lernolibroj. Ĉi tiu estas dividata en 14 lecionoj; ĉiu konsistas el detalaj gramatikaj klarigoj, vortformado pere de sufiksoj kaj prefiksoj, kaj ekzercoj. En la klarigoj kaj ekzercoj, ĉiuj ekzemplaj frazoj estas donataj Esperante kaj germanlingve; tiel aparta ŝlosilo aŭ vortaro estas nebezona. La libreto finiĝas per la 16a regularo el la Fundamento kaj konsiloj al la lernantoj kun adresoj de l'Esperantaj gazetoj. Tiu ne tro ampleksa sed tamen plena lernilo estas tute laŭfundamenta kaj rekomendinda. — *G. S.*

* * *

.·. **Gravan rekomendon** trovis Esperanto en nove aperinta germanlingva, pedagoga kaj etika ĉefverko de profesoro Johann Storch: „Stoffsammlung für Lebenskunde" (352 paĝoj, eldonejo A Haase, Praha). La verko donas revuon de ĉiuj vojoj, sur kiuj moviĝas hodiaŭ la modernaj etikaj celoj, kaj estas helplibro por la instruisto kaj por la moralinstruo. Ankaŭ nia Esperanto trovis indan lokon inter la modernaj internaciaj movadoj. Ne nur du artikoloj estas notataj kiel tradukoj el „Esperanto" („Die Wiedergeburt der jüdischen Nation" kaj „Die Organisation der Gesellschaft der Nationen"); sed speciala artikolo temas pri la vivo de D-ro Zamenhof kaj pri lia verko („Aus dem Werdegang eines edlen Menschenfreundes"). Ĉar la verko disvastiĝas tre rapide en ĉiuj rondoj de instruistoj, la servo, kiun faris S-ro Storch al nia movado estas tre granda.



# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

## OFICIALA INFORMILO

**Celo:** *Plifaciligi la ĉiuspecajn moralajn kaj materiajn rilatojn inter la homoj, sen diferenco de nacieco, raso aŭ lingvo. Kreskigi inter siaj membroj fortikan senton de solidareco kaj disvolvigi ĉe ili la komprenon de fremdaj popoloj. Disvastigi la uzadon de la lingvo Esperanto. Krei internaciajn servojn uzebiaj de ĉiuj homoj kaj entreprenoj, kies interesoj celas trans la limoj de ilia genta aŭ lingva teritorio. — UEA kunigas le samideanojn, kiuj per la forto de sia nombro kaj la utiligo de la Zamenhofa lingvo volas pruvi al la mondo, ke Esperanto vivas, taŭgas kaj progresas.*

**Servoj:** *Ĉiu membro rajtas peti informojn de la Delegitoj, uzi la servojn de la Asocio, senpage ricevi la Oficialan Jarlibron.*

**Kotizoj:** Membro: *5 Fr. svisaj.* **Aŭstrio:** *50 Kr.* **Baltaj ŝtatoj:** *16 Germ. Mk.* **Belgio:** *8 Fr.* **Britio:** *4 Sh.* **Bulgario:** *20 Lev.* **Ĉeĥoslovakio:** *18 Kr.* **Danio:** *5 Kr.* **Finnlando:** *18 Mk.* **Francio:** *8 Fr.* **Germanio:** *16 Mk.* **Hispanio:** *5 Pes.* **Hungario:** *50 Kr.* **Jugoslavio:** *25 Kr.* **Italio:** *10 L.* **Nederlando:** *2.50 Guld.* **Norvegio:** *5 Kr.* **Polio:** *50 P. Mk.* **Rumanio:** *20 Lej.* **Svedio:** *4 Kr.* **Usono:** *1 Dol.*

Membro-Abonanto, *ricevanta la gazeton: 12.50 Fr. Svisaj. (Naciaj prezoj: Multobligu la tarifon de Membroj per 2½.)*

Membro-Subtenanto, *ricevanta la gazeton: 25 Fr. svisaj. (Naciaj prezoj: Multobligu la tarifon de Membroj per 5.)*

Membro Dumviva *(kun la gazeto kaj ĉiuj oficialaj dokumentoj): 300 Fr. svisaj. (Partopagoj trijare po 100 Fr.)*

Entrepreno de UEA *(komercaj firmoj, societoj k. t. p.): 12.50 Fr. svisaj. (Naciaj prezoj: Multobligu la tarifon de Membroj per 2½.) La Entreprenoj rajtas presigi 40-vortan anoncon en la jarlibro.*

**Centra Oficejo:** *12. Boulevard du Théâtre, Genève (Svisio). — Bankkonto: Société de Banque Suisse, Genève. — Poŝtĉeko: I 2310.*

---

**Pagoj.** — Senperaj pagoj estu adresataj ĉiam al Universala Esperanto-Asocio, Genève. Nebezone estas indiki nomon de la prezidanto, vicprezidanto aŭ sekretario. Tiu ĉi procedo kaŭzas al ni nur komplikaĵojn kaj sekve prokraston por la mendo.

**Statistiko de la korespondaĵoj.** — Movado de la korespondaĵoj dum la monato januaro 1921:

Ricevitaj: 1210. — Forsenditaj: 2233. — Tuta sumo: 3443. (Antaŭa monato: 4427).

**Kotizoj por 1921.** — Je la 31 januaro 1921 estis enkasigitaj 1959 kotizoj (el kiuj 340 membroj, 1578 membroj-abonantoj kaj 41 subtenantoj). Krom tio estas 197 dumvivaj membroj. Sume: 2156.

**Subtenantaj membroj.**

*Tria listo:*

19. S-ro M. E. Schafroth, Burgdorf. — 20. S-ro D-ro Anakreon Stamatiadis, Konstantinoplo. — 21. S-ro Emil Müller, Zürich. — 22. S-ro Jacinto Beltran, Mexico. — 23. S-ro Southwick, Pawtucket, Usono. — 24. S-ro Gerrit van Heek, Hengelo. — 25. S-ro Karl, Ussel. — 26. S-ro Macfarlane, Port Glasgow. — 27. S-ro Andrew, Feilding, Novzelando. — 28. S-ro Buseth, Namsos, Norvegio. — 29. S-ro Maertens, Gent. — 30. S-ro I. H. Wright, Manchester. — 31. S-ro A. E. H. Johansson, Linköping. — 32. S-ro Janik Unter Franzenstal, Ĉeĥoslovakio. — 33. S-ro A. Comboul, Béziers. — 34. S-ro G. Kyffin-Taylor, Llanferres, Britio. — 35. S-ro Jules Soisson, Sens. — 36. S-ro W. J. Pratt, Grange over Sands. — 37. S-ro William M Page, Edinburgh. — 38. S-ro D. Aznar Casanova, Cuevas de Vera. — 39. F-ino Yvonne Thooris, Bruges. — 40. S-ro Viktor Bonde, Falun, Svedio. — 41. S-ro Carpenter, Escondido, Usono.

**Delegitoj.** — Delegitoj estas elektitaj en jenaj lokoj:

*Aalsmeer* (Nederlando, Noord Holland). — D.: S-ro D. W. G. Keessen, florkulturisto, 't Polderhuys, Stationsweg. — VD.: S-ro H. A. Hoogervorst, skribisto, Seringenstraat 6.

*Badalona* (Hispanio, Barcelona). — D.: S-ro J. Guilleumot Castells, blindulinstruisto, 10, San Rafael.

*Beuthen* (Germanio, Ober-Schlesien). — D.: S-ro W. Knopf, studokonsilisto, Piekarerstrasse 1.

*Burgdorf* (Svisio, Bern). — D.: S-ro Max F. Schafroth, fabrikestro.

*Cluj* (Rumanio, Transilvanio). — D.: S-ro Béla David, universitata cenzuristo, strada Universitatii. — VD.: S-ro A. Teodor Minedean, poŝtoficisto, Calea Regele Ferdinand.

*Ems,* Bad (Germanio, Hessen). — D.: S-ro Emil Rick, rentulo, Waldstrasse 7.

*Esslingen a. N.* (Germanio, Württemberg). — D.: S-ro J. Bieg, ĉefinstruisto, Pliensaustrasse 36.

*Firminy* (Francio, Loire). — D.: S-ro Adrien J. Testud, instruisto, 30, rue de la Loire.

*Fürth* (Germanio, Bavario). — D.: S-ro Josef Mengele, inĝeniero, Nürnbergerstrasse 156.

*Godesberg* (Germanio, Rheinland). — D.: S-ro Theodor Oster, komercisto, Burgstrasse 46.

*Grimma* (Germanio, Sachsen). — D.: S-ro Richard Hering, instruisto, Grethen, Post Großsteinberg.

*Harburg a. E.* (Germanio, Hannover). D.: S-ro Paul Hübner, inĝeniero, Reeseberg 56.

*Helmstedt* (Germanio, Braunschweig). — D.: S-ro Erich Lüer, Henkestrasse 36.

*Homburg (Bad) v. d. Höhe* (Germanio, Hessen-Nassau). — D.: S-ro Fritz Lucas, komercisto, Kirdorferstrasse 46.

*Horwich* (Anglio, Lancashire). — D.: F-ino Emily Harrison, bakistino, 42, Winter Hey Lane.

*Jilemnice* (Ĉeĥoslovakio). — D.: S-ro Ladislav Riedl, Noužov 344.

*Kalk bei Köln* (Germanio, Rheinland). — D.: S-ro Werner Schwarz, Odenwaldstrasse 68. — VD.: S-ro Walter Dähmen, Rödderg. 52.

*Koivisto* (Finnlando, Makslahti). — D.: S-ro W. J. Rikström, terkulturisto.

*Mylau i. V.* (Germanio, Sachsen). — D.: S-ro G. Streidt, lingvoinstruisto, Gollestrasse 28.

*Perth* (Aŭstralio). — D.: S-ro Chr. Caine, tajloro, 42, Temple Str., Victoria Park.

*Potschappel* (Germanio, Sachsen). — D.: S-ro Walter Johne, instruisto, Bismarckplatz 5.

*Poznán 5* (Polio). — D.: S-ro Leonard Borkowski, instruisto, ulica Rožana 4 a ptr.

*Přelouč* (Ĉeĥoslovakio). — D.: S-ro Jan Pour, komercisto.

*Römerstadt* (Ĉeĥoslovakio, Moravio). — D.: S-ro Hermann Günther, profesoro, Oberrealschule.

*Sclessin* (Belgio, Liège). — D.: S-ro Jules Bissot, lignomodelisto, 72, rue de Trazegnies.

*Sézanne* (Francio, Marne). — D.: S-ro Gérard Aussenac, lokomotivejestro.

*Stenstorp* (Svedio, Västergötland). — D.: S-ro Hugo Sköld, fervojisto.

*Strehlitz,* Gross (Germanio, Ober-Schlesien). — D.: S-ro Ernst Szmelczynski, Krakauerstrasse 14/II.

*St-Chamond* (Francio, Loire). — D.: S-ro Claudius Contesse, negocisto, Avenue Sadi-Carnot.

*St-Claude* (Francio, Jura). — D.: S-ro Karl, ŝtata trezoristo, Recette des Finances.

*Tirnovo* (Bulgario). — D.: S-ro Ivan Nenkov, oficisto.

*Uelzen* (Germanio, Hannover). — D.: S-ro Max Walther, meblisto, Lüneburger Landstrasse 18.

*Vlissingen* (Nederlando, Zeeland). — D.: S-ro J. J. W. Huysman, komerca riprezentanto, Joost de Moorstraat 7.

*Zwenkau* (Germanio, Sachsen). — D.: S-ro Walter Lippmann, Ritterstrasse 11.

*Ŝanĝoj:*

*Bari* (Italio). — VD.: D-ro Sante Cosentino, 191, via Calefato.

*Béziers* (Francio, Hérault). — VD.: S-ro Henri Pignol, 13, rue Victor Hugo.

*Helsinki* (Finnlando). — VD.: S-ro Arvo Joh. Ahti, prokuristo, Mikonkatu 23/14.
*Hengelo* (Nederlando, Overijssel). — VD.: S-ro M. Germeraad, modelisto, Hegemansweg 38.
*Hradec Kralóvé* (Ĉeĥoslovakio). — VD.: S-ro Vilem Ĉerny, Založni Uverni Ustav.
*Lučenec* (Ĉeĥoslovakio). — VD.: S-ro G. Halasz, Tioztviselö telep.
*Paris 13.* — D.: S-ro Léon Belhoste, 49, rue Boussingault.
*Reichenhall*, Bad (Germanio, Bayern). — VD.: S-ro K. Hütter, Aegidiplatz 3.

Lokoj kun alilingvaj nomoj: Cluj = Kolozsvar = Klausenburg; Poznán = Posen.

La supraj elektoj fariĝas valoraj, se ĝis 30 tagoj post la nuna publikigo neniu membro protestas pro gravaj kaŭzoj. Intertempe la novaj D. kaj VD. agas provizore.

*Adresŝanĝoj:*
*Aïn-Baïda* (Alĝerio). — D.: S-ino Adrienne Boulahbal, instruistino.
*Blackpool* (Anglio, Lanc.). — D.: F-ino A. C. Harrisson, 4, Eccleston Road of Waterlop Road.
*Chemnitz* (Germanio, Sachsen). — D.: S-ro D-ro Fritz Wicke, Ostheim-Ch., Gablenz.
*Deventer* (Nederlando). — D.: S-ro Gerard Metz, Graaf van Burenstraat 56.
*Hamburg* (Germanio). — D.: S-ro Alberto Hoffmeister, XI, Herrlichkeit 62.
*Königsberg* (Germanio). — D.: D-ro K. Nitz, Tragheimer Pulverstr. 48.
*Leiden* (Nederlando). — D.: S-ro Th. Elbers, Voorstraat 120, Voorschoten.
*Odense* (Danio). — D.: S-ro M. Palsberg, Personbanegaarden 1. D. S. B.
*Reichenberg* (Ĉeĥoslovakio). — D.: S-ro Anton Hübner, instruisto, Klothildenstrasse 6/II.
*Sens* (Francio, Yonne). — D.: S-ro G. Malot, 14, rue des Capucins.
*Saint Petersburg* (Usono, Florida). — D.: F-ino E. Ester Owen, instruistino, „Amikeco" 222, 13th. Avenue, S.
*Winterthur* (Svisio). — D.: S-ino Lena Grütter-Häberli, Breitestr. 34.

Provizore ne plu estas Del. en jenaj lokoj:
*Croix* (Francio); *Linköping* (Svedio); *Montargis* (Francio); *Oldham* (Anglio); *Zywiec* (Polio).

**Raporto de la Londona Sekretario de UEA de 1 novembro 1919 ĝis 31 oktobro 1920.** — *Membroj:* En 1914 ni havis en Londono 272 Membrojn; en 1915 la nombro falis ĝis 224; sed dum pasinta jaro, malgraŭ la duobligita kotizaĵo, 366 personoj pagis siajn kotizaĵojn al mi! El tiuj, 233 estis Membro-Abonantoj, 128 Membroj kaj 5 Subtenantoj. Ĝojiga fakto estas, ke la nombro da MA estis pli granda ol de ordinaraj membroj.

*Abonoj:* Mi ricevis 28 gazetabonojn sen membreco.

*Entreprenoj:* Mi revarbis multajn malnovajn Entreprenojn kaj sukcesis ankaŭ varbi kelkajn novajn firmojn. Entute estis 22 Entreprenoj, kaj mi povas citi la jenajn firmojn: Backes & Co. (komercistoj); Beck & Co. (presistoj); Burroughs, Wellcome & Co. (manufakturistoj de ĥemiaĵoj); Dutton's National Business College, Eklezia Esperantista Ligo; Eliott & Eliott (advokatoj); Elman & Co. (importagentoj); Eustace Miles Foods Ltd. (vegetaranaj nutraĵoj); W. & G. Foyle Ltd. (librovendistoj); G. B. Kent & Sons Ltd. (brosfabrikistoj); W. & J. Mackay & Co. Ltd. (presistoj); E. Marlborough & Co. (eldonistoj); Morgan & Harris (komisiaj agentoj); H. Sewell (presisto); Shaftesbury Hotel, J. G. Sims (hotelo); V. V. Sumfield (presisto); Synchronome Co. Ltd. (elektraj horloĝoj); Vassiliades & Co. (komercistoj); Vivamol Ltd., Casa Vizmanos (medikamentoj) kaj Zalbide, Alvarez & Co. (komercistoj).

*Reklamoj:* Por la lasta Jarlibro mi sukcesis varbi grandan nombron da reklamoj. Miaj reklamoj okupis 8 paĝojn en la Jarlibro. Krom tio, dum la jaro, mi varbis multajn reklamojn por la gazeto „Esperanto".

*Korespondado:* Dum la jaro mi ricevis 740 leterojn kaj forsendis 927 leterojn kaj cirkulerojn.

*Servoj:* Kompreneble la servoj ne estas ankoraŭ tiel multnombraj kiel antaŭ la milito. Mia tempo dum la pasinta jaro pleje okupiĝis pri la kolektado de kotizaĵoj, k. t. p. Tamen, dum la jaro, mi plenumis entute 63 servojn, ĉefe prikomercajn. Sube mi donos detalojn pri kelkaj el ili.

*Delegitoj:* Antaŭ kelkaj monatoj la C. O. petis, ke mi sendu al ĝi liston de ĉiuj urboj en Granda Britujo, kie ankoraŭ ne estas Del., sed tio estas tasko neebla pro mia okupateco. Mi tamen kompilis liston de ĉiuj urboj kie, laŭ mia scio, jam estas membroj sed ne Delegito. Mi ankaŭ, per la helpo de Pastro L. A. Long, el Tisbury, sendis al C. O. liston de ĉiu urbo en Anglujo enhavanta pli ol 50,000 loĝantojn kaj poste similan liston de urboj enhavantaj pli ol 10,000 loĝantojn.

Mi ne nur sendis listojn al C. O., sed al ĉiu persono, kiu loĝas en urbo, kie ne estas Del., mi sendis formulon pri Delegitoj kaj petis, ke ili agu kiel Del. por sia urbo. Mi forsendis proks mume 100 formulojn kaj ĝis nun 27 personoj konsentis fariĝi Delegitoj.

*Vizitintoj:* Mi ricevis vizitojn de kelkaj Esperantistoj el la jenaj landoj, kaj mi helpis ilin laŭeble, kelkokaze mi eliris kun ili kaj kondukis ilin al diversaj lokoj: Egipto, Francujo, Irlando, Kimrujo, Hispanujo, Skotlando, Usono, Ĉeĥoslovakio, Rusujo, Svedujo, Svislando, k. t. p.

*Detaloj pri servoj faritaj: Serĉo de amikoj:* Mi kelkafoje vizitis diversajn adresojn por serĉi amikojn. — *Presmaŝino:* De Holando mi ricevis peton de frukto-komercisto, kiu serĉis malgrandan presmaŝinon por presi prezlistojn, k. t. p., kaj mi sendis al li diversajn katalogojn kaj prezojn. — *Turismo:* Sinjoro el Svislando deziris elmigri al Sudafriko, kaj mi aranĝis por li la vojaĝon per la ŝipkompanio. Mi renkontigis lin ĉe la alvenstacidomo kaj donis al li informojn. — *Lumtelefonado:* Sinjoro en Ĉeĥoslovakio elpensis novan metodon de telefonado per la utiligo de sun- kaj lun-radioj kaj li petis, ke mi ekrilatu kun fama profesoro en la Imperia Kolegio de Scienco, por havigi liajn opiniojn pri l' afero. Mi tion faris, sed bedaŭrinde la profesoro ne konsentis doni informojn. — *Komercaj adresaroj:* Al sinjoro en Polujo mi sendis liston de teknikaj kaj komercaj adresaroj. — *Venezuela.* Al persono en Danmarko mi sendis verkon priskribantan la landon Venezuelo. — *Fotografarto:* Al Franco mi sendis adresojn de gazetoj, kiuj pritraktas la jaĥtarton kaj ankaŭ vizitis unu aŭ du el ili rilate la vendo al ili de fotografaĵoj pri jaĥtaj konkursoj.

Universala Esperanto-Asocio:
*Harry A. Epton*, Londona Sekretario.

## ESPERANTO KAJ LA FOIROJ

Oni povas diri, ke ĉiuj internaciaj foiroj komercaj krom la anglaj uzas Esperanton en sia reklama fako. Kiel laste ricevita presaĵo ni devas mencii lukse presitan broŝuron de la Frankfurta foiro kun 13 ilustraĵoj montrantaj la halojn kaj standojn. Ĝi estas senpage ricevebla de la Messamt (Esperanto-fako) Frankfurt a. Main (Germanio).

.·. *La Foiro de Specimenoj en Barcelona* (20—30 aprilo) dissendis aliĝilojn en Esperanto kaj cirkulerojn en hispana, franca kaj Esperanta lingvoj kun 15 ilustraĵoj. Adreso: Feria de Barcelona Apartado 769.

.·. *Printempa Foiro en Praha.* — Granda Foiro okazos la 28 februaro—8 marto. La lastan partoprenis 2538 ekspoziciantoj. Fremdlandaj aĉetantoj trovos la okazon aĉeti precipe: vitraĵojn, lignon, ledon, piedvestojn, lupolon, meblojn, teksaĵojn, porcelanaĵojn, keramikon, falsajn juvelojn de Gablonz, sukeron. Por informoj (Esperanta cirkulero) sin turni al Staroměstská radnice Praha I.

.·. *La Internacia Specimena Foiro en Padova* (junio) presigis aliĝilojn en Esperanto. Adreso: Palazzo della Camera di Commercio.

.·. *La 2a Internacia Foiro en Reichenberg* (Ĉeĥoslovakio) 13—21 aŭgusto estas preta presigi en la komerca parto de la Foira Revuo adresojn de eksterlandaj gravaj firmoj, kiuj serĉas rilatojn en Ĉeĥoslovakio.

# Esperantista Literatura Asocio

Nia diligenta kolegaro
En laboro paca ne laciĝos.

*Marta raporto*

En la komenco de nia movado la Esperantistoj aĉetis ĉiun nov-aperintan libron en aŭ pri nia lingvo. En la jaro 1887 ĝi ja ekaperis sur nia tero; en 1891 oni kontente povis konstati, ke ekzistis 45 Esperantaj libroj. Sed el duoncento fariĝis cento kaj el cento milo da verkoj, privatuloj jam ne povis ĉion aĉeti. Nur unu fervora libroamanto neniam ĉesis sian kolektadon, komencitan en la jaro 1888, do unu jaron post la naskiĝo de Esperanto: S-ro Georg Davidov-Saratov (Rusio). Li aĉetis ĉiujn librojn kaj abonis ĉiujn gazetojn, eĉ flugfoliojn kaj poŝtkartojn li kolektis. En la jaro 1911 li eldonis katalogon de sia biblioteko sub la titolo: „Bibliografio". Katalogo de la biblioteko de Georg Davidov Saratov, 1888—1911. Eldonaĵoj de la Germana Akademia Esperantista Ligo, Kajero 1, Wolfenbuttel (Germanio). Eldonejo: Heckners Verlag.

En la jaroj 1912—1913 G. Davidov eldonis 12 broŝurojn, enhavantajn la titolojn de Esperantaj verkoj, tradukitaj el ĉiuj eŭropaj lingvoj. La grandaj nacioj havis po unu aparta kajero, la malgrandaj nacioj estis unuigitaj en la 12a kajero. La 13a kajero de tiu ĉi titolaro nomiĝas: „Titolaro de Originala Esperanta Literaturo".

Sen ia dubo la biblioteko de nia samideano kaj kolego Davidov estas nia plej grava literatura trezoro. Bedaŭrinde la fama biblioteko nun ne estas lia, sed — regna, ĉar ĝi estas regne postulita! S-ro Davidov jam ne estas en Saratov, li nun estas tute senpova ion eldoni. Detruita la biblioteko ja certe ne estas, sed nuntempe tute ne uzebla, kvazaŭ ŝtoniĝita.

La situacio de niaj samideanoj en Rusio ĉial estas malbonega. Disigitaj de la cetera mondo ili sopiras leterojn, librojn kaj gazetojn. Ĉu iu povas sendi al ili gazetojn el la lastaj 6 jaroj? Precipe la gazeton „Esperanto" ili treege deziras havi.

Apero de nova libro nun estas speciale granda plezuro. Tial ni ĝoje salutas la aperon de bele kaj multkolore bindita libro: „La Urbo de Belega Sensencaĵo", de E. Temple Thurston, el la angla lingvo tradukita de R. Sporo (Pretorio, Sud-Afriko). Nia kolegino S-ino Spero helpis fondi la Unuiĝon de Esperantaj Verkistoj (la nuna E. L. A.) en 1911 en Antverpeno. La legado de ŝia manuskripto estis la unua laboro de nia nova unuiĝo. La romano aperis 1912 en la Germana Esperanto-Gazeto (Magdeburg) kiel literatura aldono, kaj nun ĝi estas eldonita libroforme de la Germana librejo Leipzig (Johannisplatz 3). La talenta aŭtorino bone, sed iom rapide tradukis, multaj korektajoj estis necesaj, sed nun la ĉarma kaj interesa libro certe kontentigos la legantojn.

Ĉar la eldonado de libroj ĉiam ankoraŭ estas malfacila, ni rekomendas al ĉiuj verkistoj la tradukon de bonaj rakontoj aŭ skizoj por niaj Esperantaj gazetoj. En niaj gazetoj nun kuŝas la sorto de nia literaturo. Sendu al la redakcioj, ni petas, multe da bona materialo, por ke ili povu elekti la plej bonan. Komprenebie ankaŭ originaloj estas tre bonvenaj. La tasko de E. L. A. ja ĝenerale ne estas korekti artikolojn kaj rakontetojn, ĉi tion faras la redakcioj mem, sed ĝi estas preta tion fari je speciala deziro. Ĉiuokaze la manuskripto estu tre legeble skribita sur nur unu flanko de la papero kun larĝa marĝeno. Maŝinskribaĵon oni ĉiam preferas.

S-ro Karl Loy (Kronach) ĵus eldonis „Lehrbuch der Volkshilfssprache Esperanto" (3 M.) ĉe Jos. C. Huber, Diessen, Vor-München.

S-ro Johano Fethke tradukis el la pola lingvo „Nia ĉevalo" de Marga Konopnicka. S-ro Ŝĉavinski (Petrogrado) certigas, ke la Rusa Sekcio estas kvazaŭ membro de E. L. A., nur per la nunaj cirkonstancoj ĝi ne povas interrilati. Li finis novelon: „Apud Maro", ĝi ampleksas 8 presfoliojn.

S-ro Dombrovski en litova lingvo verkis resumon pri la fama libro de Nienkamp: „Fürsten ohne Krone" (Ne kronitaj princoj). Li intencas prilabori ĉi tiun libron ankaŭ en Esperanto. Aliĝis: F-ino Rosa Lœwe, Dresden-Radebeul, Albertstr. 7.

S-ro Walter Lippmann, Zwenkau i. S. (Germanio), Ritterstr. 11.

*Marie Hankel,* Nicolaistr 18, Dresden-A.

# Esperantista Parolejo

## Oni laŭdas!

.˙. S-ro D-ro *Walter Döhler,* Riesa, dankas Sron W. H. Rintelman, Menomonee Falls pro informoj pri gesinjoroj en Milwaukee, malliberigitaj dum la milito, kiuj ne povis skribi al siaj parencoj en Germanio dum multaj jaroj.

.˙. S-ro *St. Minkov,* Del. en Sofia, esprimas siajn tutkorajn dankojn al S-ro A. Stamatiadis, Del. en Konstantinoplo, pro tre akurate plenumita servo.

.˙. S-ro *Chaler* el Terrassa (Hispanio) dankas S-ron Henry W. Hetzel por servo farita.

.˙. D-ro *Bruno Migliorini,* Del. en Roma, dankas S-ron Rudnicki Del en Kraków pro afabla sendo de interesa informo.

.˙. S-ro *E. Friebel* en Dobritz (Sachsen) dankas S-ron Knops en Maastricht (Nederlando) por alsendo de 150 Mk. por la Esperanto lernantoj de la popola lernejo.

.˙. S-ro *M. Arabeno,* Del. en Genova (Italio) kore dankas S-rojn C. Fielding (Cardiff) kaj D-ron A. Fischer (Tiflis) por ilia bela donaco kompense de malgrava servo.

.˙. S-ro D-ro *L. György Nagy,* Del. en Miskolc (Hungario) dankas S-ron advokaton P. Stanišiĉ en Vinkovci (Jugoslavio) pro plenumita peto.

.˙. S-ro *Arthur Sohrmann,* prezidanto, el Weinböhla, plej kore dankas en la nomo de la asocio de germanaj instruistoj al S-ro M. Blicher en Kopenhago, ĉe kiu estas de la 7 februara por 8 semajnoj 3 Esp. infanoj el Weinböhla, inter ili sia filino Kathe.

## Oni petas!

.˙. *Peto.* — S-ro Léon Illachevitch, poste restante, Gallipoli, Grekio, petas por multaj malriĉaj soldatoj de la sudrusa armeo (generalo Wrangel) lernolibrojn, legolibrojn, vortarojn, gazetojn, paperon, krajonojn por lerni la esperantan kaj francan lingvojn.

.˙. *Universitataj libertempaj kursoj.* — Mi proponas, ke la eŭropaj delegitoj de universitataj urboj sendu al mi por kunmetota artikolo la liston de la libertempaj kursoj. Rezultos intereso de la Universitatoj pri Esperanto kaj praktika informo por studentoj. D-ro W. de Lerber, Neptunstr. 34, Zürich.

.˙. *Al ĉiulandaj ĝardenistoj.* — Kiuj inter vi aprobas la intencon fondi internacian esperantan ĝardenistan organizaĵon kaj eventuale eldoni pliposte fakan gazeton skribu, al S-ro E. Černý, direktoro de la parkoj, Smetanovy sady, Olomouc 603, Ĉeĥoslovakio. Partoprenontoj de la XIIIa skribu por eventuale aranĝi fakan kunvenon. Esperantaj gazetoj bonvolu represi.

# Esperantista Vivo

**Edziĝoj.** — *Esperantista Vivo.* S-ro *Adolf Stratil,* membro de UEA, kun F-ino *Anička Jurikova* el Uh. Hradišti (Ĉeĥoslovakio).

S-ro *Jaime Irunzo,* Del. en Carcagente kun Fraŭlino *Josefa Fernandez Anta,* en Bilbao.

S-ro *R. Ullmann* kun F-ino *Margerethe Pezlederer,* filino de nia Delegito. La pastro S-ro Fr. Christanell, ankaŭ Esperantisto, finis la ceremonion per bela kaj kortuŝa edziĝa parolado en Esperanto.

**Naskiĝo.** — Al Ges-roj *Anofrijev,* membro en Elva (Estonio) naskiĝis filo nomita Oleg.

Al Ges-roj *P. Tarnow* en Kiel naskiĝis tria infano nomita Rosemarie.

# Niaj Mortintoj

Kun bedaŭro ni ricevis informon pri la morto de jenaj samideanoj. Al iliaj familioj ni sendas la esprimon de niaj respektplenaj kondolencoj.

**S-ro Guerra,** patro de nia Delegito S-ro Ernesto E. Guerra, en Atemaxac, Meksikio.

**D-ro Eugène Noël** mortis 66 jara en Nancy. Nia movado perdas unu el siaj plej laboremaj kaj kleraj anoj. D-ro Noël riĉigis nian literaturon per multaj gravaj kaj bonstilaj tradukoj, interalie: Rolandkanto, Esther (Racine), Athalie (Racine), Ĉielo kaj Tero (Lord Byron), Rudens (Plantus), Plutos (Aristophanes), Parolado pri la Metodo (Descartes), En la lando de la Blanka Monto (Huot-Sordot), Procirkonstanca Edzo (Planard), Ofero de Monaĥo (Sangnier) k. t. p. Lia stilo estis rimarkinde bela kaj liaj tradukoj mirinde fidelaj. Li faris per sia senlaca laboro gravan servon al la literaturo internacia.

Jen kelkaj biografiaj notoj, kiujn ni ŝuldas al S-ro Maresquelle. Eugène Noël naskiĝis en Nancy en 1855, kie lia patro estis bonfama komercisto. Li studis la medicinon en la Fakultato de Nancy, poste en la lernejo por militkuracistoj „Val de Grâce" en Paris. En 1877 li fariĝis doktoro. De 1878 ĝis 1881 li estis militkuracisto en ekstrem-sudo de Alĝerio. Li fariĝis kompetentulo en araba lingvo. Li reiris Afrikon en 1885. Li fariĝis poste regimentkuracisto en Toul kaj Nancy en 1903 kaj retiriĝis kiel ĉefkuracisto 2e Klasa, ordenita de la Honora Legio.

Dummilite li helpis al la „Fako de la sekreta skribo" en la Militministrejo en Paris.

Post la milito li reiris al Nancy, kie li daŭrigis laboradi por Esperanta Literaturo. Li estis tradukanta kun sia kutima zorgemo „La Georgiaĵoj" de Virgilio, kiam subita stomaka kaj hepata apopleksio post 12 horoj forprenis lian vivon.

**S-ro Walter Pitt,** dumviva membro de UEA, mortis la 10 januaro, post longa malsaneca periodo. Li estis unu el la pioniroj de Esperanto en Bath (Britio) kaj ĝis morto honora prezidanto de la tiea Esp. Societo.

Direktoro de la grava firmo Stothert & Pitt, Ld., inĝenieroj li estis tre alte estimata rilate sian profesion, kaj ne malpli kiel civitano, urba magistrato, kaj membro de diversaj edukaj kaj aliaj institucioj en Bath. Li estis 68 jara.

## Zamenhof-numero

La administracio de „Esperanto" disponas ankoraŭ pri kvanto da numeroj kun portreto kaj priskribo pri nia Majstro. Ni sendas ĝin kontraŭ 3 internaciaj respondkuponoj, pago en biletoj aŭ al nia reprezentanto:

*Aŭstrio* 4.50 Kr.; *Belgio* 0.90 Fr.; *Britio* 7½ d.; *Bulgario* 2.25 Lev.; *Ĉeĥoslovakio* 1.80 Kr.; *Finnlando* 1.50 F. M.; *Francio* 0.90 Fr.; *Germanio* 1.80 Mk.; *Hispanio* 0.75 Pesetas; *Hungario* 4.50 Kr.; *Italio* 1.05 L.; *Jugoslavio* 3 Kr.; *Nederlando* 40 Cent; *Polio* 1.80 Mk.; *Skandinavio* 50 Öre; *Svisio* 0.75 Fr.; *Usono* 15 Cendoj. — Kie la aĉeto de respondkuponoj estas ebla oni sendu tiajn.

**☛ Ĉiuj malgrandaj anoncoj estas prokrastataj al la venonta numero pro la nova aperdato.**

# Ŝako

Gvidanto: *Fr. Hájek*, Přemyslovo n. 396, Praha-Nusle (Ĉeĥoslovakio)

**Problemo N-ro 1** (Originalo)
Al la ŝakludema samideanaro dediĉata de *F. V. Arbetaro* en Praha



Ekludante, Blanko matos per la 3-a movo.

**N-ro 2**
*H. F. Bailey*, London
(Sund. Daily Telegr. 1899)



Ekludante, Blanko matos per la 3-a movo.

**N-ro 3**
† *S. Loyd*, New York
(Chess Monthly 1860)



Ekludante, Blanko matos per la 2-a movo.

*El la laborejo de la ŝakproblemisto*

La unuan movon de Blanko en la problemo nomas la problemistoj pro sia graveco la *ŝlosilo*. De la ŝlosilo, en arte konstruitaj problemoj, estas postulata, ke 1e ĝi ne donu *ŝakon*, 2e ne *kaptu* (prenu) nigran ŝtonon, 3e ne plimalhelpu la *moveblecon* de la nigra reĝo, aŭ 4e kiel eble la blanka ŝtono sin *ne savu*, se ĝi estas atakata. — Ĉi tiuj *kvar postuloj* multe plifacilas la solvadon.

Laŭ la ŝlosilo estas la problemoj dividataj en *du grupoj:*

1e Kun *minaco* estas tiu problemo, en kiu, *antaŭ* ol la Nigro respondas la ŝlosilon, estas videbla la rekta vojo al matigo. Volante malhelpi ĉi tiun minacon, la Nigro per ĉiu sia respondo ebligas alian matigon.

2e Kun *blokado* estas tiu problemo, en kiu la Nigro, sen ekzisto de iu ajn minaco, perdas sole pro la devo movi. Per respondo de la ŝlosilo Nigro difektas sian pozicion kaj *ebligas* la matigon.

Oni povas diri, ke en la unua okazo Nigro fermas la pordon al la malamiko, en la dua okazo li malfermas ĝin.

La supre presita problemo 2 entenas la minacon, kaj 3 la blokadon.

Korespondo: S-ro H. T. Bailey, dankon por sendaĵo, du movuloj tro simplaj.

Pluaj interesemuloj pri la ŝakangulo: Jan Burival, Praha (Ĉeĥosl.). H. C. Mees, 's-Gravenhage (Nederld.). G. Shepherd, Newcastle-on-Tyne (Angl.). A. Tille, New York (U. S. A).

* * *

Kongresanoj ŝakludistoj, kiuj vizitos la Dektrian kaj opinias, ke dum la kongreso okazu ŝakluda turniro, bonvolu sciigi ĉu ili volus partopreni en tiu ĉi turniro.

Por ke povu esti farataj la ĝustaj, ĉiun kontentigantaj aranĝoj, ni petas, ke la partoprenontoj taksu sian ludforton kaj ankaŭ sciigu la redaktoron ĉu ili jam partoprenis en turniroj de ŝakkluboj.

Oni atendas, ke multaj ŝakistoj venos en Praha, la konata ŝakluda centro de meza Eŭropo.

PRESEJO BÜCHLER & KO., BERN